7a Jaro Sept.-Okt. 1921 9-10 N° (79-80)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle



## La Centra Lerneja Komitato de Antverpeno uzis Esperanton kaj energie klopodis por nia lingvo

La 1-an de oktobro pasinta la grupo «La Verda Stelo», Antverpeno, petis sian prezidanton Fr. Schoofs, Sekretario de la Centra Lerneja Komitato de Antverpeno, ke li donu informojn pri la poresperanta agado de tiu Komitato, pri kiu ni jam parolis en niaj antaŭaj numeroj. La citita grupo invitis tiucele ankaŭ ĉiujn aliajn Esperantistojn de nia havenurbo.

Ni resumas ĉi sube la klarigojn donitajn de nia malnova propagandisto, kiu konigis al la multnombraj ĉeestintoj ĉiujn oficialajn dokumentojn kaj raportojn de la C. L. K. rilate tiun gravan aferon.

* * *

Dum la somero 1920a la C. L. K., sinokupante pri la problemo de la apliko de la leĝo pri deviga instruado en Belgujo, esprimis la deziron scii kiuj estas la spertoj faritaj tiurilate en aliaj landoj, kie tiu leĝo estas jam enkondukita de longe. Tiu esprimo, facile kaj prave esprimita, estis malgraŭ tio kaj unuavide ne same facile efektivigebla en ordinaraj cirkonstancoj.

En la raporto pri la kunveno de 27 de sept. 1920 ni tamen legas, ke la sekretario venkis ĉiujn malhelpojn kaj kontentigis la membrojn de la Komitato, sendante Esperante redaktitajn demandarojn pri la pritraktata temo al kvardeko da landoj, kaj presigante tiun demandaron en la gazeto «Esperanto» de U. E. A. Tiu sama raporto jam sciigis la alvenon de 22 respondoj!

S-ro Fl. Deleau, prezidanto, ne povis preterlasi, peti la atenton de la membroj de la Komitato pri la rezultato jam obtenita per la aludita enketo internacia dank'al la uzo de la helplingvo Esperanto. Li komunikis ke, sin trovante antaŭ tiu konkreta fakto, li estis logita al pli ĝisfunda esploro de la demando, kaj konfesis, ke li miris pri la sim-

pleço de la lingvo kaj pri la graveco de ĝia impona movado en la tuta mondo. Laŭ li, la servoj atingeblaj jam nun per Esperanto estas netakseblaj kaj je ĉies dispono kontraŭ malgranda klopodo. Li citis la tiutempajn sukcesojn de Esperanto, la uzon de E. de la komercaj foiroj kaj aliajn aplikojn de tiu praktika helpilo. Konstatinte la akcepton de E. en multaj lernejoj en aliaj landoj, li insistis pri la pedagogia valoro de la lingvo de Zamenhof, kaj konkludis, ke la Antverpena Urbestraro ne povas plu malatenti la aferon, devus sinokupi tuj pri tiu rimedo de ĝenerala popolklerigo kaj civilizado, kaj esplori, kiel ĝi povus meti tiun utilan internacian interkomunikilon je la dispono de la Antverpena loĝantaro kaj precipe de ĝia junularo.

Sekve de tiu sugesto la Komitato rajtigis sian Estraron, komuniki al la Urbestraro siajn spertojn kun Esperanto, kaj deziresprimon por obteni:

1e, la iom post ioman enkondukon de Esperanto en la publikan instruadon, komencante en la superaj unuagradaj lernejoj kaj en la lernejo por instruistoj, la t. n. «normalaj lernejoj»;

2e, la kiel eble plej baldaŭan organizon de oficialaj vesperkursoj de Esperanto.

La 30an de septembro 1920 la C. L. K. komunikis tiun deziresprimon al la Urbestraro.

* * *

En la kunveno de la 29a de nov. 1920a la sekretario sciigas, ke jam 31 respondoj alvenis al la internacia enketo de la C. L. K. La prezidanto komunikas, ke la faritaj spertoj kun Esperanto jam naskis iniciativon de la postlerneja societo de la 5a kaj 10a sekcioj de la urbo, kiu malfermis kurson por knaboj de 12 ĝis 15 jaroj, pri kies sukceso B. E. jam raportis.

* * *

La raporto pri la kunveno de la 31a de januaro 1921a konigas la envenon de entute 50 respondoj al la enketo el 30 diversaj landoj kaj fine, S-ro Van de Venne, lernejestro kaj speciala raportisto pri la enketo, skribis en sian ĝeneralan raporton pri la tuta afero:

« Por fari rapidan kaj utilan laboron, ni petis la kunhelpon de la
» ĉiam bonvolema sekretario de la C. L. K., kiu, dank'al lia ĝisfunda
» kono de la internacia lingvo Esperanto, liveris al la komisiono la
» necesan materialon. Decas ke ĉi tie ni kore dankas S-ron Frans
» Schoofs eĉ se tio grave vundus lian konatan modestecon. Li faris la
» plej efikan elmontron de kaj por la helplingvo, kies varma amiko li
» estas.

» Demandaro en Esperanto estis dissendita en multajn landojn de
» la mondo: el 43 landoj kaj ŝtatoj, ekster Belgujo, ni ricevis entute
» 66 valorplenajn respondojn. » (1)

Konsiderante, ke la tuta afero prezentas nacian intereson, la C. L. K. decidis esprimi sian dankemon al la fremdaj Esperantistoj-kunlaborantoj, kiuj al ĝi tiel bonvole havigis la fundamenton de la farita

---

(1) Tiuj 43 landoj kaj ŝtatoj reprezentas la kvin mondpartojn.

laboro, kaj klopodi por eldoni la tutan raporton kun dokumentoj ankaŭ en Esperanto, aldononte al ĝi kelkajn ilustraĵojn pri la haveno kaj lernejoj de Antverpeno. Tiamaniere la eldonaĵo estos efika propagandilo por la urbo.

* * *

La 30an de marto 1921 la C. L. K. rememorigis al la Urbestraro sian leteron de la 30a de septembro 1920.

En la kunveno de la 4a de aprilo la prezidanto konigis kaj priparolis la raporton kaj decidon de la Komerca Ĉambro de Paris, la decidon pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn de Milano, Genève, Breslaŭ. S-ro Sysmans, lernejestro, ankaŭ parolis pri la kurso en Antverpeno organizita de samideano J. Jacobs por la urbaj instruistoj, kaj pri la diskutado kaj konkludoj de la lastokazinta kongreso de la Brita Eduka Asocio en Londono, pri kiu li legis gravan artikolon en la instruista gazeta «Ons Woord» de Antverpeno. La parolanto konsentis pri la granda utileco de Esperanto.

* * *

Intertempe la C. L. K. organizis kun la helpo de la Esperantistoj de Antverpeno la akcepton de la «Romilly Boys» el Barry kaj la grandiozan sukcesintan feston de la 17a de majo en la Reĝa Franca Teatro (1), kun la celo fari publikan elmontradon de kaj por Esperanto, kaj dum kiu ĝi ankaŭ rikoltis la aprobon de ĉiuj lokaj eminentuloj kaj la simpatiajn deklarojn de ĉi tiuj rilate Esperanton.

* * *

En la kunveno de la 7a de junio 1921 la C. L. K. insistis pri la organizo de la vesperkursoj, despli, ke la Perfektiga konsilantaro de la Urba Instruado akceptis la principon, ke estu organizota kurso por ĉiu fako de komuna intereso, por kiu sin prezentas sufiĉe da lernantoj, principo ankaŭ jam akceptita de la C. L. K. La prezidanto samtempe konigis la decidon de la Finnlanda Registaro subvencii la Esperantan movadon, kaj ankaŭ la rezolucion de la 21 membroj de la Franca Akademio de Sciencoj.

* * *

La jara ĝenerala raporto pri 1920/21 prezentita al la ĝenerala kunveno de la 18 lernejaj Komitatoj de la urbo la 4an de julio en la urbodomo, faras jenan resuman citon pri la agado de la C.L.K. por Esperanto:

« La pritraktado de la problemo pri la lerneja ĉeestado donis al ni
» la okazon iom pli multe konatiĝi kun la demando de internacia help-
» lingvo Esperanto. Estis eble por ni provi la uzeblecon de tiu inter-
» nacia komunikilo, kaj ni rajtos diri kun plena konvinko, ke tiu pro-
» vo havigis al ni la plej grandan kontentiĝon. Ni ĝuis la profitojn de
» tiu praktika ilo por neŭtra interkomunikado: kial do ni tiam ne re-
» komendus ĝin al niaj kuncivitanoj, kaj kial ni ne penus akiri laŭ niaj
» fortoj, ke tiu simpla lingvo estu metata je la dispono de nia junu-
» laro ? Tial ni esprimis la 30an de septembro 1920a rilatan dezires-

(1) Vidu B. E. No 73-74, paĝ. 39 kaj No 75-76, paĝ. 90.

» primon pri la enkonduko de Esperanto en la instruadon oficialan.
» En ĉiuj landoj aperas la demando pri la internacia helplingvo, kaj ni
» vidas, ke ĉie oni komencas solvi ĝin. Ni esperas, ke Belgujo, kaj
» precipe Antverpeno — kiu ĉiam estis preta por subteni ĉiun iniciativon
» por spiritklerigado — montros ankaŭ en ĉi-tiu rilato sian progrese-
» mon. »

En la sama ĉiujara ĝenerala kunveno de 4a de julio la prezidanto diris i.a.: «La raporto kaj la kompara studo pri la apliko en 43 land-
» oj de la leĝo pri deviga instruado estas preta. Se estis eble, ke ni fa-
» ru tian ĝisfundan studon pri tiu grava temo, estas certe dank'al la
» ĉiam pli kaj pli antaŭeniranta helplingvo Esperanto, kies grandega
» utileco ne plu devas esti pruvata. Ĉiuj vi estos do kontentaj, ke ni
» klopodos por ke ankaŭ Esperanta traduko de nia raporto estu eldo-
» nata, tiele aranĝita, ke nia haveno, niaj lernejoj, nia instruado, nia
» urbo Antverpeno estu pli konataj en la fremdaj landoj.

» La rolo de la lerneja Komitato certe estas limigita kaj konsistas
» nur el la studado de la rimedoj, kiuj povus progresigi la lernejon,por
» ke ili povu esti submetataj al la kompetenta aŭtoritato.Pri la lerneja
» programo kaj ties aplikado, la lerneja Komitato havas neniun rajton
» sin enmiksi, kaj neniun kompetentecon por trudi sian opinion. Kaj
» tamen, ĝi povas sin okupi pri ĝi en kelkaj cirkonstancoj. Efektive,
» kiam ni pripensas, ke la programo de la unuagrada lernejo devas en-
» havi tiujn konojn, kiuj estos necesaj por pretigi nian junularon al la
» akra batalo por la vivo, por ke ĝi iĝu kiel eble plej zorge preparita;
» kiam ni pripensas, ke tiuj konoj povas ŝanĝiĝi laŭ la cirkonstancoj
» aŭ laŭ la progresado de la socio, ke tiuj necesaj konoj devas esti
» adapteblaj al la efektivigo de novaj elpensaĵoj, novaj komunikiloj,
» novaj situacioj, novaj interlandaj rilatoj, tiam estas kompreneble ke,
» kiam instruado iĝas necesa por speciala direkto, ĉiu, kiu deziras la
» prosperecon kaj la bonfarton de nia lando kaj popolo, havas la raj-
» ton por altiri la atenton de la kompetentuloj al tiu speciala temo,
» kaj por prizorgi, ke liaj opinioj estu pristudadaj kaj, se eble, efek-
» tivigataj. Kaj pro tio la lerneja komitato ankaŭ havas la rajton kaj la
» kompetentecon sin okupi pri la programo de la lernejo.

» Nin apogante sur ĉi supraj argumentoj kaj konvinkitaj pri la
» grandega utileco de Esperanto por homoj vivantaj en havenurbo kiel
» Antverpeno, ni kuraĝis fari peton al la Urbestraro, por ke ĝi organizu
» kursojn de Esperanto, eĉ enkonduku Esperanton en la Normalajn
» lernejojn kaj superajn unuagradajn lernejojn.

» Por pravigi nian demandon ni alportis trafajn pruvojn. Ni memoru
» la feston de la Romilly Boys de la 17a de majo, kiu ĉiujn ĉarmis
» kaj donis profiton de Fr. 4729.19 por la gloregaj Militinvalidoj; ni
» ankaŭ memoru la kurson de Esperanto por knaboj organizitan de la
» postlerneja societo de la 5a kaj 10a sekcioj,kiu finiĝis kun grandega
» sukceso; ni ankaŭ citu la fakton, ke multnombrajn lernemulojn nun
» kontentigas la privata iniciativo, kaj plie. ke multaj instruistoj jam
» nun konas Esperanton.

» Kaj, kiam ni pripensas, ke ni havas la devon zorgi por ke niaj
» infanoj estu tiel bone armitaj per kono kaj scienco kiel aliaj, kaj

» kiam ni vidas, ke Esperanto, kiel grava rimedo en la maldolĉa batalo
» por la vivo estas rekomendita de preskaŭ ĉiuj landoj, tiam ni ne
» plu rajtas resti malantaŭe, kaj tial ni havas la fortan konvinkon, ke
» oni atentos niajn proponojn kaj sugestojn. »

* * *

La 26an de septembro la C. L. K. ree skribis al la Urbestraro, kaj konstatante ke S-ro Weyler, tiama skabeno de instruado, opiniis, ke nek leĝaj, nek administraj reguloj malhelpas la organizon de vesperkursoj, kaj ke la lerneja inspektoro favore opiniis pri tiu temo — ĝi insistis pri baldaŭa decido pri la farita propono, atendante, ke la alia demando: »enkonduko de E. en la Normalajn — kaj superajn unuagradajn lernejojn« estu esplorata de la kompetentaj aŭtoritatuloj.

En la kunveno de la 26a de septembro la sekretario komunikis la lastfaritajn progresojn de Esperanto, precipe la decidon de la Ligo de Nacioj, kaj li raportis mallonge pri lia vojaĝo al la 13a kongreso de Esperanto en Praha, kie li oficiale reprezentis la belgan ministron de scienco kaj arto.

Tiam S-roj Frans Van Laer kaj Sysmans, lernejestroj, komunikis (1) ke la nuna aranĝo (laŭ la jam de kelkaj monatoj farita propono de la Perfektiga Konsilantaro de la Urba Instruado) pri la vesperaj kursoj, ĵus konigita per afiŝoj al la Antverpena loĝantaro, ebligas la organizon de kursoj de Esperanto. S-ro Van Laer plezure konstatas, ke la tiucela klopodado de la C. L. K. estas do sukcesplene kronita. Li atentigas pri la fakto, ke la festo kun la Esperantistoj de la 17a de majo donis la plej fortan antaŭenpuŝon al la atingo de la celo. Tiu belega elmontrado konvinkis ĉiujn ĉeestantajn eminentulojn kaj kompetentulojn. La tiama skabeno de instruado tiuokaze deklaris malkaŝe, ke li estas konvinkita pri la utileco kaj neceseco de la enkonduko de Esperanto kaj certigis, ke dum la proksima lerneja periodo la propono de la Centra Lerneja Komitato estos solvita. S-ro Van Laer aldonis, ke la C. L. K. rajtas esti fiera pro tio, ke ĝia iniciativo kaj persistemo kondukis al tiu rezultato.

* * *

Laŭ propono de S-ro Alfr. Gevers, sekretario de «La Verda Stelo», la Esperantistoj, kiuj ĉeestis la kunvenon de la 1a de oktobro, en kiu nia samideano Schoofs donis la ĉi supre resumitajn informojn, unuanime decidis sendi al la C. L. K. de Antverpeno jenan tagordon:

« La Esperantistoj de Antverpeno, kunvenintaj la 1an de oktobro
» 1921a :
» sciiĝas pri la interesaj komunikaĵoj rilate la daŭran agadon dum
» la pasinta jaro de la Centra Lerneja Komitato de la Urbo, celanta
» la enkondukon de la internacia helplingvo Esperanto en la oficialajn
» vesperkursojn kaj en la ĝeneralan instruadon de nia junularo:
» konstatas kun ĝojo, ke la programo de la oficialaj vesperkursoj de
» 1921/22 permesas la organizon de kursoj de Esperanto;
» dankas la Centran Lernejan Komitaton pro ĝiaj laŭdinaj bone kom-

(1) kaj ankaŭ, poste, la Urbestraro.

» prenitaj klopodoj kaj pledoj por la favorigo de la tiel potenca rimedo
» de ĝenerala homa civilizado kaj klerigado;
» semtempe gratulas kaj dankas la Centran Lernejan Komitaton pro
» ĝia iniciativo pri organizo de la belega festo de la 17a de majo pa-
» sinta en la Reĝa Franca Teatro, je la okazo de la vizito de la Espe-
» rantistaj Romilly-knaboj, el Barry, kiu estis plej efika elmontrado
» por Esperanto, kaj havis tiel brilan rezultaton je la profito de niaj
» belgaj militinvalidoj. »

* * *

«Belga Esperantisto» publikigas detalan priskribon pri la tuta historio de tiu grava poresperanta agado de la Centra Lerneja Komitato de Antverpeno, 1e, ĉar ĝi certe vekos la atenton de ĉiuj Esperantistoj, 2e, ĉar tiu agado povas esti konsiderata kiel unu el la plej bone kaj firme konstruitaj, tial ke ĝia bazo estis praktika uzo de nia lingvo kaj servado al iu institucio de komuna intereso, kaj 3e ĉar tiu agado estis ĝis la fino tute laŭsisteme kondukita. Ĝi sendube povas servi kiel ekzemplo por ĉiuj propagandistoj de nia ideala movado.

La kondukinto de la tuta afero, nia malnova samideano Schoofs estu ĉi tie gratulata pro lia laborado kaj pro la per ĝi atingita rezultato.

KLOPODULO.

---

# La Monumento al D-ro L. L. Zamenof

---

## TUTMONDA MONKOLETO.

**Alvoko al Samideanoj, kiuj promesis Mondonacojn, kaj aliaj.**

La 13a kongreso en Praha unuanime aprobis la rezolucion proponitan de la Internacia Komitato, kaj decidis, ke estas necese starigi la monumenton, laŭ la plano difinita, al D-ro Zamenhof.

La projekto do nun eliras el la embria stato kaj eniras en la praktikan vivon de la esperantista movado, kies tutkoran subtenon ĝi nepre devas ricevi. Individuaj esperantistoj same kiel kolektivaj grupoj estas petataj veni kun sia helpo. La kuponkartoj estos eldonataj post iom da tempo, sed dumtempe la Organiza Komitato petas:

1. Samideanoj, kiuj jam promesis mondonacojn, sendu la promesitajn sumojn rekte al la Honora Kasisto, W. M. Page, 31 Queen Street, Edinburgh, Skotlando.

2. Samideanoj, kiuj ne faris promesojn, sendu mondonacojn tuj al la Hon. Kas. (bankbiletoj el ĉiuj nacioj estos akceptataj).

3. Grup-sekretarioj estas petataj aranĝi por tiu celo dum la vintra sezono sistemajn monkolektojn.

Nebritaj samideanoj, kiuj tion deziras, povas sendi siajn mondonacojn al la prezidantoj de siaj naciaj societoj, de kiuj la Organiza Komitato ricevos de tempo al tempo la necesajn avizojn pri la sumoj ricevitaj kaj sendos instrukciojn pri la dispono de la mono tiele kolektita.

Por la Organiza Komitato:

J. D. APPLEBAUM, Hon. Sekretario,

11 Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool, Anglujo.

---

Ni al tiu ĉi alvoko aldonas nian insistan peton, por ke la grupoj en nia lando SENPROKRASTE komencu monkolektadon inter siaj membroj kaj inter la amikoj de Esperanto en sia loĝloko. La sumojn tiel kolektitajn ili sendu, kune kun la listoj de la donacintoj, al la Estraro de la Belga Ligo Esperantista, kiu ĉion havigos al la Organiza Komitato.

«Belga Esperantisto» ankaŭ akceptos donacojn kaj regule kvitancos la ricevon de monsendoj, ĉu de grupoj, ĉu de izolaj Esperantistoj, per publikigo en la gazeto.

La belgaj Esperantistoj donacu malavare! Despli ĉar la ideo pri starigo de monumento sur la tombo de la Majstro estis unuafoje esprimita de belga Esperantistino S-ino Maria Elworthy-Posenaer, kiu skribis la 28an de aprilo 1917 (do du semajnojn post la morto de la aŭtoro de Esperanto) plej altsentan leteron, kiun publikigis «The British Esperantist» en sia numero de junio 1917a.

Ni ne povas nekonigi tiun belegan leteron al la belga Esperantistaro, kaj samtempe esprimas la sinceran deziron ke ĝia verkintino, pri kiu ĉiuj belgaj Esperantistoj fieras, havu sian lokon en la organiza komitato por la momento.

Jen do la teksto de la letero, kiu aperis sub la titolo «Je la Memoro de nia Majstro. — Grava Propono» :

* * *

Ne plu estas eble dubi. La malgaja novaĵo estas vera. Nia kara Majstro ne plu estas.

Kiam aperis la seka noto en angla ĵurnalo, mi nepre volis kredi, ke estis eraro. La frato de la Majstro ja mortis antaŭ kelka tempo, oni eble prenis unu por alia. Tamen, tiu precizeco: hieraŭ, yesterday... La morgaŭan tagon, Esperantista amikino min vizitis; ekvidante ŝin, mi jam divenis la kaŭzon de ŝia vizito: ankaŭ ŝi estis leginta... Mi skribis al eminenta samideano en la urbo; lia respondo nur konfirmis la malgajan sciigon : el diversaj flankoj la novaĵo lin atingis... Kaj nun, hodiaŭ, venis tiu cirkulero de B. E. A.: Esperanta diservo je la memoro de D-ro L. L. Zamenhof, aŭtoro de Esperanto. Ĝia sobreco estas impresiga. Ni ne bezonas scii pli multe; ne necesas por ni, akompanigi la sciigon de reklamo aŭ resonantaj doloresprimoj. La doloro estas en nia koro... Kaj la vido de tiu simpla papero, forprenanta ĉiun dubon, fine aperigis la larmon, la larmon de profunda bedaŭro, kaj murmur-

igis min: «Kompatindulo!» Kaj mi scias, ke en ĉiuj partoj de la mondo, en koroj de centmiloj da homoj, estas nun la sama silenta, respektplena doloro, en centmiloj da okuloj aperis larmo de bedaŭro kaj kompato·

Kiam li estis knabo, la intergenta malpaciĝo en lia naskiĝurbo lin doloris, kaj li faris sian grandan revon... Kaj jaroj pasis, kaj li donis al la mondo sian verkon de geniulo kaj homamanto... Kaj li daŭrigis revi, li revis pri la dolĉaj fruktoj de sia elpensaĵo, li revis pri homaramo, pri frateco! Kaj liaj disĉiploj, liaj centmiloj da disĉiploj, revis kun li... La elreviĝo estis terura!

Kaj tial mi kompategas nian bonan Majstron.Li, kiu de siaj plej junaj jaroj senhalte laboris por krei instrumenton de mondpaco,fermis por ciam siajn okulojn sur spektaklon de mondsangado kaj buĉado kiel neniam, en siaj plej mallumaj momentoj de dubo, li estus povinta antaŭvidi. Tra la tuta mondo, intermortigado de homoj. Lia patrolando en la manoj de malamikoj, lia urbo okupita, ĉirkaŭ li mizero, ruino, malsato, ĉiuj teruraĵoj de milito... La frapo estis tro forta, lia jam delikata sano ne povis kontraŭstari, li diris adiaŭ al la mondo, kiu ne jam estis matura por ricevi la benon, kiun li revis por ĝi.

Kara Majstro, malmultaj amikoj povis vin akompani al via lasta ripozejo, malmultaj floroj estis demetitaj sur vian tombon,malmultaj, doloresprimoj senditaj al viaj karaj edzino kaj infanoj. La «muroj... inter la popoloj dividitaj» ne plu estas nur imagaj; la terura mondmilito starigis murojn realajn, murojn de mortiga metalfadeno, kaj viaj malproksimaj amikoj ne povis transiri ilin. Sed ĉiu en sia koro, ĉiu en sia hejmo, kiel ajn malproksimaj ili estis de vi, sentis la doloron de via foriro kaj honoros eterne vian memoron· Via verko ne mortis, kara D-ro Zamenhof; kaj je tiu solena horo, kiam ĵus fermiĝis via tombo, mi ne pensas tro promesi dirante, ke la tuta Esperantistaro fervore klopodos, por ke via admirinda kreaĵo daŭrige vivu kaj konu la gloron de la fina triumfo... Kara Majstro, oni diris, ke vi estis revulo. Ĉu eble en la lastaj tagoj de via vivo vi havis vizion, belan vizion, pri paca estonteco? Ĉu vi eble vidis, ke tiu terurega mondkatastrofo estas la lasta konvulsio, el kiu naskiĝos homaro pli bona, pli fratama? Ĉu viaj okuloj poreterne fermiĝis, dum vi alridetis tiun belan konsolantan penson?

Antaŭ nelonge mi legis kun granda intereso la raporton de Edmond Privat pri lia vizito ĉe la Majstro. Kun emocio mi vidis, ke li promesis klopodi, por ke la venonta Esperanto-kongreso okazu en la ĉefurbo de, espereble, libera Polujo, «por eviti al li (la Majstro) lacigan vojaĝadon».

Kaj nun, ĉu la klopodoj devas esti forlasitaj? Ha, mi humile instigas la samideanojn, ke ili kun des pli multe da fervoro penadu por efektivigi la projekton de S-ro Privat. Nia kara Majstro ne plu ĉeestos la Esperantan mondfeston, ne plu salutos la grandan kunvenantaron, sed lia animo estos inter ni, kaj tiu kongreso estos pilgrimo.Mi dezirus, ke de nun ĉiuj influhavaj Esperantistoj en ĉiuj landoj esploru la ideon, ke la ĉefa soleno dum la venonta Esperanto-kongreso en Varsovio estu la

inaŭguro de monumento starigita de la Esperantistoj sur la tombo de nia Majstro.

Maria Elworthy-Posenaer.

Torquay (Anglujo), 28 Aprilo, 1917.

* * *

Ni ankaŭ esperas, ke la O. K. donos kiel eble plej grandan publikigon al la kondiĉoj de la internacia konkurso por la monumento mem, por ke ĝi povu ekveki la intereson de la artistoj en la tuta mondo.

F. S.

POR LA MONUMENTO ZAMENHOF.

UNUA LISTO DE «BELGA ESPERANTISTO».

Kelkaj membroj de «La Verda Stelo», Antverpeno fr. 63.—

# Vivo de Sveda Blindulo

Por atentigi la legantojn pri la luktplena vivo de blinduloj, por montri la kuraĝegon, la energion per kiu, blinduloj klopodas fariĝi sendependaj kaj utilaj, ni publikigas ĉi suban skizon.

* * *

Mi naskiĝis la 25an de Oktobro 1877. Mia patro estis instruisto en kampara popollernejo. Tre frue mi lernis legi kaj skribi, legante flue je la aĝo de kvar jaroj kaj duona.Mi tial havis tempon por lerni kompare multe antaŭ ol mi blindiĝis je la aĝo de ses jaroj kaj duona. La kaŭzo de la blindeco estis skarlatina febro kaj eble samtempaj aliaj malsanoj. La blindeco estis kompleta. Sed miaj oreloj ankaŭ estis afektitaj. La surdeco estis progresema, la aŭdado malaperante iom post iom, ĝis en 1906 mi enpaŝis la regnon de la eterna silento. Tamen, mi eble ne devus esti uzinta tiun ĉi lastan esprimon, ĉar mi ankoraŭ povas per diversaj aparatoj distingi sonojn.

Mia patro malsaniĝis tuj post mia blindiĝo, pro malĝojo, oni diris. En la jaro 1887, sentante ke la morto alproksimiĝis, li ekrapidis por trovi lokon por sia blinda filo en oportuna infanejo. Mi ja estis, krom blinda, ankaŭ malsanema diversmaniere. Oni tial sendis min al lernejo por nekuraceble malsanaj infanoj: Eugenie Memmet, fondita de la pia, bonfarema Princino Eugenia. Tie oni donis al mi zorgan flegadon, sed oni konsideris min eĉ tro nekuracebla; oni nur instruis al mi la Lutheran katehismon kaj la bibliajn rakontojn kaj krome nur la legadon kaj skribadon de Braille. Dum la geografiaj, anatomiaj, fizikaj k. a. lecionoj oni permesis al mi volonte aŭskulti, sed oni neniam ekzamenis miajn sciojn, neniam klarigis ion speciale al mi. Sed en la jaro 1895 — mi preskaŭ ne scias pro kia kialo — vekiĝis fine ĉe mi tiun saman soifon je scioj, kiu karakterizis la vidantan knabon (mi), kiu ofte estis elŝteliĝinta el la lito fruege en la matenoj por, en la lerneja ĉambrego, kune kun samsentanta knabo, kiu havis la vicon hejti kaj purigi la ĉambregon, studi la geografiajn kaj aliajn kartojn. — Sed mia

lernometodo, kiu ne estis metodo aŭ plano, sed tute hazarda, estis tre stranga. Ĉu vi povas konjekti, kian temon mi unue atakis? Estas vero ke la Franca lingvo estis unua celo. Tamen, tio ne estas tute neklarigebla, ĉar mi estis leginta en Sveda Braille-gazeto pri la multo, kiun oni faras por la blinduloj en Francujo. Tiutempe ni havis en Svedujo nur kvaronjaran malgrandan gazeton kaj en Francujo, oni havis jam ĉiusemajnan gazeteton. Do, kompreneble, mi tute instinkte eklernis la Francan lingvon. Mi ŝparis ĉiujn ricevitajn monerojn por pagi kamaradon, por ke li diktu al mi Francan gramatikon. Kaj elektante gramatikon, mi estis tiel senplana kaj senmetoda kiel ĉiam dum miaj unuaj studadoj, mi elektis grandegan libron, (centoj — eble ses cent — da paĝoj!) kaj ĝin mi volis transskribi en Braille. Mia aŭdado jam tiam estis tiom malbona, ke mi nur grandpene povis per aŭdilo distingi la diversajn litersonojn eldiratajn de mia kolego, kiu kompreneble ne sciis unu vorton de la lingvo. Ni daŭrigis tiun penegan laboron dum kelkaj monatoj, sed ian tagon la direktorino ekdiris al mi: «Neniam mi kredis, ke vi estas tiom malsaĝa! Se vi eklernus la Svedan gramatikon, mi ne tiom mirus, sed la Francan!!!» Ŝi eĉ malpermesis nin daŭrigi. Kaj ŝi estis tute prava: mi ja ne konis la Svedan gramatikon. Kiel mi do povus lerni la Francan! Tamen, kompreneble, mi iradis kelkan tempon en malĝojo kaj kolereto pro tiu malpermeso. Sed fine mi decidis sekvi la konsilon de la direktorino kaj eklerni la svedan gramatikon. Mi elektis tiun svedan gramatiklibron, kiun oni, laŭ diro de nia instruisto, uzas en la pli altaj svedaj lernejoj. Samtempe mi trovis inter miaj kamaradoj knabon, kiu trovis plezuron en la diktado al mi kaj kiu ankaŭ havis ameton por mi. Li kaj mi do eklaboris, kaj mi post duonjaro posedis Braille'an ekzempleron de la Sveda gramatiklibro. Ni ĝin studis vere tre fundamente, ne nur tiel, ke mi lernis ĝin preskaŭ parkere, sed ankaŭ tiel, ke mi ĝin pripensadis laŭ ĉiuj mensaj fortoj. Poste sekvis NE FRANCA, sed Angla gramatiko, ĉar mi estis sciiĝinta, ke la angla lingvo laŭ sia gramatiko estas pli facila ol preskaŭ ĉiuj lingvoj, kaj krom tio, mi havis instruiston, kiu iom konis tiun lingvon kaj povis eble helpi min iom je la elparolo (prononco). Post la transskribo de la angla gramatiko sekvis dudekvoluma angla vortaro (dudekvoluma en Braille), poste franca gramatiko, kaj franca vortaro, poste aliaj lernejaj libroj: fiziko, geografio, astronomio, geologio k. t. p. Poste, fine, Germana gramatiko. Germanan vortaron mi ankoraŭ ne posedas hodiaŭ, ĉar:

Eugenia-Hemmet estas LERNEJO, ne azilo. Tial, la lernintoj devas laŭ reguloj forlasi la lernejon, (spite de la nomo: la sveda vorto Hemmet signifias ja la hejmo). Tamen, inter la edukitoj troviĝis ia nombro, kiu ne povis forlasi la lernejon. Tial, en la jaro 1900, estis malfermata Azilo por tiuj, kiuj ne povis forlasi la lernejon. Ankaŭ mi ricevis la permeson pasigi mian tutan vivon en tiu azilo. Ho, kiel bone, klare mi memoras tiun tempon; estis en la vespero, ia printempa vespero, kiam la direktorino diris al mi, kondukinte min en la tutnove rekonstruitan domon: «Tie ĉi vi nun restos trankvile vian tutan vivon». Kompreneble estis al mi trankviliga scio, ke mi dum mia tuta vivo

havos senzorgan vivnutron bonan kun ĉio bezonata. Sed ho!!! Kia senfina melankolio ekkaptis min ĉe tiuj vortoj de la direktorino! Mi ne povis dormi dum tiu nokto kaj malmulte dum la sekvantaj noktoj. Min estis kaptinta senfina deziro labori por mi mem kaj miaj kunhomoj, plej volonte por miaj samsortanoj. Sed tio estis ja tute neebla. Je tiu penso mi preskaŭ ekmalesperis.

Mi pasigis preskaŭ ses jarojn en la azilo, kaj mia kamarado diktanto estis unu el tiuj, kiuj enloĝis la azilon. Dank'al Dio por tiu feliĉa cirkonstanco! Ni daŭrigis nian laboron senĉese, multaj el la libroj menciitaj estis transskribigitaj nur en mia azila tempo.

Sed senĉese mordetis min la deziroj, la pensoj, fine la planoj forlasi la institucion por labori por mi mem kaj la samsortanoj. Tiu sopirado kompreneble estis multe plifortigata kaj sentebligata per tiu cirkonstanco, ke laŭ la ideoj de la direktoro ni estis tute izolitaj, kvazaŭ en monaĥejo.

Tamen, haltu! Mi ekforgesas la plej gravan okazintaĵon en mia lasta Eugenia-Hemmet-periodo. Ian tagon, eble dum 1899, venis ĉe mi la direktorino de la surdmutula instituto en Stockholm, Fraŭlino Amy Segerstedt. Ŝi estis ankaŭ tre fervora laborantino por la blinduloj. Ŝi antaŭ iom da tempo estis interesiĝinta pri Esperanto kaj nun volis montri ĝin al mi por fari al mi ĝojon, ebliganta mian korespondadon kun alilandaj blinduloj. Tamen, tiufoje mia intereso ne estis vekebla,ĉar mi tro multe estis aŭdinta pri Volapük,kies vortfarado ŝajnis al mi infaneca kaj malfacila.Malfeliĉe la unuan specimenon de esperanto mi trovis en la pronoma tabelo: Tia kia ia, tiu kiu iu k. t. p. Kaj mi ekdecidis, ke Esperanto nur estas nova Volapüko. Anstataŭe, mi, en la azilo, komencis instrui la anglan lingvon per korespondado al samlandaj samsortanoj, pensante, ke tiu lingvo povis esti la internacia lingvo de la blinduloj. Sed ĝia kolosa vortaro fariĝis nevenkebla baro. Poste mi iom okupis min je latino, duone pripensante ĝian uzeblecon por internacia lingvo de la blinduloj. Sed ne!! Ĝi ne taŭgis! Sed jam antaŭ ol mi tion eltrovis, io okazis; Esperanto estis ankoraŭfoje metata en mian vojon, kaj nun de la Hazardo aŭ la Providenco mem. Iun matenon, antaŭ la matenmanĝo, kamarado, kiu interesiĝis pri multspecaj aferoj, legis laŭte kelkajn versojn en fremda lingvo, kiun mi kun certeco prenis por Itala, kiun lingvon mi tiam ne estis atakinta:

En la mondon venis nova sento
tra la mondo iras forta voko,
per flugiloj de facila vento
nun de loko flugu ĝi al loko.

li legis laŭte kaj ritme por kapti mian atenton (li iom okupis sin je Volapüko, kiun li amis) kaj tial sciis, ke mi malŝatis artefaritajn lingvojn). Certe li kaptis mian atenton; mi petis lin relegi vorton laŭ vorto. Kaj, mirindaĵo! mi komprenis ĉiun vorton kaj povis traduki preskaŭ sen unu eĉ «forman» eraron! Ho, kiel facila estas la Itala lingvo mi ekpensis kaj kredeble ankaŭ ekkriis! Sed tiam Bernhard, la kamarado ekridis: «Esperanto, mia maljunuleto!» Vi facile povas imagi la efikon! Estis sunbrila tago. Mi iris en laŭbon en malproksima angulo

de la parka ĝardeno. Kaj vere, tie mi pasigis la tutan tagon farante nenion krom pensado. Mia emocio estis grandega, ĝojega, solena! Neniam mi forgesos tiun tagon, ĉar al mi ĝi estas sankta. Kiel sankta ĝi ŝajnis al mi, jam tiam! Mi preĝis, dankante Dion por tio, kion mi sentis devi esti benaĵo al mi kaj al la tuta samsortanaro.

Poste sekvis kompreneble nerveca laboro. Tuj post la leviĝo en la sekvanta tago mi skribis kelkajn liniojn al la direktorino de la surdmutula institucio, Fraŭlino Amy Segerstedt. Dio benu ŝin kaj ŝian nomon! Ŝi estas tre impulsive, tre rapidega, Dio ŝin benu ankoraŭ por tiuj ecoj. Mi certigas Vin, ke ŝi apenaŭ estis leginta mian leteron, antaŭ ol ŝi ekagis. Ŝi jam posedas Esperanto-gramatikon en Braille, heredaĵo de mortinta blindulino, al kiu ŝi instruis Esperanton. Ŝi tuj venis al mi kun tiu trezoro. Eĉ vortareton ŝi povis doni al mi en punktoj! Mia ĝojo estis grandega! En tiuj tagoj mi ne pensis pri mia sopirado aŭ pri miaj planoj forlasi la azilon! Mi lernis Esperanton en kelkaj tagoj, kompreneble. Kaj poste komencis ja la propagando. La tiama redaktoro de «De Blindas Veckoblad» (nia ĉiusemajna punktgazeto, kies redaktoro mi nun estas) estis tre afabla kaj interesiĝis ankaŭ pri la afero kaj donis al mi spacon en sia gazeto por serio da artikoloj. Tiel same bonvolemaj kaj komprenemaj estis la direktoroj de la Angla ĉiumonata gazeto «Progress». Mi skribis leteron al la redaktoro de tiu gazeto, kaj li respondis «Your letter is of such an interest that we will insert it in extenso». (Via letero estas tiel intereshava, ke ni insertos ĝin entute). Kaj li faris.

Intertempe mi konatiĝis kun aliaj samideanoj: kun S-ro Ahlberg, kun S-ro Boirac kaj, antaŭ ĉio, kun S-ro Cart, nia propra, kara granda Probatalanto!

En 1904 komenciĝis Esperanta Ligilo, dank'sole al nia Cart! Ho, kia ĝojo, kiam ĝiaj numeroj venis! Kia ĝojo kaj kia triumfo!

Dio eterne benu nian bonfaranton. Se mi ne plenigas aliajn kvin paĝojn kun sciigoj kaj glorkantoj pri li, tio dependas nur de tio, ke li kaj lia laboro estas tiom grandaj, ke vi, kara samideano, ilin certe bone konas.

* * *

## Por la blindaj esperantistoj !

Laŭ decido de la 13-a Universala Kongreso en Praha nia revuo malfermas monkolekton por helpi la eldonadon de la porblindula punktreliefe presita gazeto «Esperanta Ligilo» kaj de alia leg- kaj lernomaterialo Esperanta por niaj nevidantoj gefratoj. La belgaj samideanoj memoru, ke propagando kaj disvastigo de nia lingvo en tiu interesega fako de la homaro havis jam kaj estonte havos ankoraŭ grandan influon sur la progresado de nia movado eĉ inter la vidantoj.

Ili donu do malavare!

UNUA LISTO :

| | |
|---|---|
| S-ro kaj S-ino Frans Schoofs, dankante la membrojn de «La Verda Stelo» pro la belaj donacoj al ilia unua infano | fr. 20.— |
| Monkolekto inter la diamantistoj Esperantistaj de Antverpeno, por «Esperanta Ligilo» | fr. 28.75 |
| | fr. 48.75 |

# Esperanto ĉe Ligo de Nacioj

## OFICIALAJ DOKUMENTOJ.

DEKA ĜENERALA KUNSIDO. — Salonego de la Reformacio. — Mardon, 13an de Septembro 1921, je la deka horo.

### PROPONO PRI LA INSTRUADO DE ESPERANTO.

La Prezidanto legas al la Kunvenantaro komunikaĵon pri la instruado de Esperanto, subskribitan de:

Lord ROBERT CECIL (Suda Afriko);
S-ro JONESCO (Rumanujo);
Emir ZOKA - ED - DOWLEH (Persujo);
S-ro LAFONTAINE (Belgujo);
S-ro BENEŜ (Ĉeĥoslovakujo);
S-ro RESTREPO (Kolombio);
S-ro TANG - CAJ - FU (Ĥinujo);
S-ro ENCKELL (Finnlando);
Mons-ro FAN S. NOLI (Albanujo);
S-ro ADACI (Japanujo);
S-ro ESCALANTE (Venezuelo);
Maharaĝa KNENGARJI (Hindujo).

Tiu ĉi komunikaĵo proponas, ke, unue, la raporto de la Dua Komisiono de la Unua Kunvenintaro pri internacia lingvo kaj, due, la raporto de la Ĝenerala Vic Sekretario pri lia oficiala misio apud la Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Praha dum la lasta Aŭgusta monato, estu prezentotaj al la Dua Kunvenantaro. Plie ĝi proponas, ke la Dua Kunvenantaro voĉdonigu pri rekomendo koncerne la uzadon de internacia lingvo kaj, ke por tio, oni uzu la tekston de la rekomendo prezentita la lastan jaron al la Unua Kunvenintaro (1). La oficiala teksto de tiu rekomendo estas la jena:

« La Societo de Nacioj, konstatante la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas la rektajn rilatojn inter la popoloj kaj la urĝan neceson forigi tiun malbonon por helpi al la bona konkordo de la Nacioj.

» Atentas kun intereso la provojn de oficiala instruado de l'internacia lingvo Esperanto en la publikaj lernejoj de iuj membroj de la Societo.

» Esprimas la deziron, ke la Ĝenerala Sekretario preparu por la proksima Kunvenontaro raporton pri la rezultatoj ricevitaj en tiu kampo. »

La komunikaĵo legita de la Prezidanto estas ankaŭ subskribita de S-ro ASKENAZY (Polujo) kun la jena kondiĉo:

« Intencante konsideri kiel internacian lingvon iun praktikan helpan lingvaĵon, kiu neniel atencos la rajton kaj la centjaran prestiĝon de la franca lingvo, kiel internacia diplomata lingvo. »

---

(1) Vidu B. E. N° 70 71: paĝo 27.

DECIDO ALPRENITA DE LA SPECIALA KOMISIONO PRI LA PROPONO KONCERNE LA INSTRUADON DE ESPERANTO EN LA LERNEJOJ.

La speciala Komisiono, komisiita por esplori la proponojn prezentitajn al la Kunvenantaro, ricevis komunikon de la peto farita de 13 membroj por rekomendi la enkondukon de la helpa internacia lingvo Esperanto en la publikajn lernejojn kun celo plifaciligi la rektan interkonsenton de la popoloj el la tuta mondo.

La Komisiona opinias, ke tiu problemo, al kiu interesiĝas nombro de ŝtatoj ĉiam pli granda, postulas ĝisfundan esploron antaŭ ol ĝi povos esti diskutata de la kunvenantaro. Iu Komisiono jam ekokupiĝis pri tio, la lastan jaron, kaj prezentis mallongan raporton por rekomendi enketon de la Ĝenerala Sekretario pri la eksperimentoj jam provitaj, kaj pri la rezultatoj ricevitaj en la kampo de la faktoj.

Ni proponas, ke la demando estu enskribita en la tagordon de la proksima Kunvenantaro, kaj ke la Ĝenerala Sekretario antaŭe preparu plenan raporton dokumentitan konforme je la senco montrita de la projekto de rezolucio.

Laŭ la deziro esprimita de la subskribintoj, la raporto de la Dua Komisiono (2) kaj la raporto de la Ĝenerala Vic-Sekretario pri lia misio apud la Praha Kongreso estos komunikataj, sen alia prokrasto, al la membroj de la Societo.

Aprobita de la Kunvenantaro, la 15-an de Septembro 1921 matene.

# Kio estas la Vivo

Ke en nia ĉiutaga vivo estas multe por lerni kaj ke la superstiĉo ludas grandan rolon en iaj mensoj, de longe mi scias tion; eĉ mi silentus pri tiu-ĉi temo, se mi ne estus instigita de la avideco, kiu karakterizas min, por rakonti la plej ridindan aferon okazintan al unu el miaj amikoj dum lia juneco, kiu poste havis malagrablan epilogon.

Ni estis pastraj studentoj. Mi ne volas do atentigi pri la grandaj zorgoj, penoj kaj klopodoj, kiujn elĉerpis niaj instruistoj por ke ni estu fervoraj pastroj kaj veraj amantoj de nia sankta religio. Ili ŝparis nenion. Krom ĉeesti ĉiutage sanktan meson, konfesi kaj komuniiĝi almenaŭ unu fojon ĉiusemajne, ni estis devigataj praktiki aliajn piajn ekzercojn, kiuj estis tro ĝenaj kaj enuigaj je mia aĝo. Ĉu pro tio aŭ pro alia afero kiun eble mi ne scias esprimi, ni forlasis la librojn por ĉiam kaj kiam preterpasis la murojn de la Seminario imitis tiujn birdojn, kiam oni ellasis ilin el la kaĝo, kiuj flugas ien ajn dediĉante la unuan kanton al la libereco ne plu rememorante sian malliberecon. Tiel okazis al ni. Flugante per la flugiloj de nia fantazio, avidaj je novaj

(2) Dokumento 253 (17-an de Decembro 1920).

sensacioj ni ankaŭ salutis la mondon, komprenante ke ĝi apartenas al tiu, kiu scias ĝin ami.

Estis la Dimanĉo de karnavalo de la jaro 1910 kaj dum tiu nokto devis okazi maskobalo. Kompreneble ni ne povis manki.

Je la 10a akurate ni jam estis tie, pretaj por ĉiuj entreprenoj. La svarmo de la salono estis nepriskribebla. La maskuloj, elegante vestitaj per kapricaj kostumoj, estis pli belaj ol iam ajn. Post kelkaj minutoj la orkestro ludis simfonion sekvatan de gaja valso, kies finaĵo estis gaje aplaŭdita. La dancoj sekvis unu la alian seninterompe. Venis la fino de la unua parto kaj la salono malpleniĝis. Ankaŭ mia amiko forlasis ĝin por spiri la aeron en la ĝardeno. Mi restis en la salono parolante kun kelkaj amikoj. Pasis dek minutoj... dudek... tridek... jam estis komenciĝinta la dua parto, kiam mi vidis mian amikon kun la okuloj larĝe malfermitaj kaj malvarma ŝvito ruliĝis sur la vizaĝo.

Vane mi penis por scii la kialon de tiu stato. Pretekstante, ke li ne fartis bone, li prenis la ĉapelon kaj foriris. Mi ne volis forlasi lin. Mi lin sekvis. Sur la strato mi ree deziris scii la kialon de lia ekscitecc. Tiam, per tremanta, voĉo, kun larmoj en la okuloj, li rakontis al mi, ke li aŭdis en la ĝardeno tremadon de katenoj,perkiuj la koboldoj venis kapti lin. Je tiu-ĉi sensencaĵo mi ridegis laŭte kaj klopodis trankviligi lin, dirante ke ĝi povus estis efiko de lia fantazio. Sed lia teruro estis pli potenca ol miaj rezonadoj. Mia amiko malsaniĝis. Lia malsano komplikiĝis pli kaj pli, kaj post unu monato li estis enterigata kun bedaŭro de lia familio kaj konatuloj. (1)

Pasis dudek tagojn. Freŝa estis ankoraŭ lia morto, kiam la anonco de ĵusverkita dramo ekscitis mian scivolemon kaj igis min ĉeesti al ĝia prezentado, kiu okazos en la sama salono, kie estis okazinta la menciita maskobalo. La teatraĵo estis varme akceptata kaj ĉe la fino de la unua akto la manfrapado de la ĉeestantaro devigis levi ree la kurtenon kaj aperigi sur la scenejo la aŭtoron kune kun la geartistoj por akcepti la aplaŭdadon de la publiko. La manfrapado ĉesis. Post la krioj kaj laŭtaj voĉoj sekvis vigla babilado. Mi iris al la ĝardeno. Ĝia soleco invitis min al la meditado. Kompatinda amiko! Kial vi malaperis el la mondo tiel juna? Kial la morto forprenis vin el inter ni?

Profundiĝinte en tiaj pensoj mi ankaŭ aŭdis klare tremadon de katenoj, kiu unue surprizis min; ju pli mi atentis des plis intensaj ili fariĝis, ĝis kiam mi decidiĝis scii la kialon. Mi ekbrulis alumedon. Momente mi vidis ion moviĝantan ĉe miaj piedoj kiu volis forkuri de mi, sed bedaŭrinde ĝi ne povis atingi sian celon ĉar estis alligita per kateno ĉe la muro. Mi alproksimiĝis, rigardis ĝin fikse kaj mi vidis nedanĝeran simion kiu, farante kelkajn kapriolojn, restadis en humila sinteno kvazaŭ dirante: «Pardonu min ĉu vi havas pecon da sukero»?

Jen la kialo de la morto de mia kompatinda amiko!

LEONARDO REMON (Barcelono).

---

(1) Okazinta fakto.

# Belga kroniko

Ni insiste petas, ke la grupoj sendu, antaŭ la 25a de ĉiu monato, raporton pri sia agado al la Sekretario de la Ligo.

ANTVERPENO. — La ĉiusabataj kunsidoj de la grupo «La Verda Stelo» sinsekvas kun kontentige multnombra ĉeestantaro. La 24an de sept. parolis S-ro M. De Ketelaere, kiu plej lerte verkis «Tragedian Rakonton». La 22an de okt. S-ro Van Dessel faris paroladon pri la historio de la Telegrafarto kaj la 29an de okt. F-ino Al. Van Ganse antaŭlegis «La Legendon kaj historion de la Antverpena Ĉefpreĝejo» La prezidanto, Frans Schoofs gvidas nun 5 kursojn kun entute 150 gelernantoj. La 2an de okt. la membroj de tiu grupo akceptis la gesamideanojn el S-ta Nikolao kiuj vizitis la urbon. Pri tiu vizito raportis grupano Van Doninck. La 8an de okt. la grupo ankaŭ organizis intiman feston (koncerto, propaganda parolado de la prezidanto kaj dancado) en la salono «Fortunia».

«Nia Ideo» estas la nomo de nova grupo Esperantista, fondita inter la Antverpena socialistaro.

La kunvenoj de la grupo de «Esp. Diamantistoj» okazas ĉiumarde je la 8a vespere en la sidejo de la loka ligo de diamantistoj.

La agado de la «Antverpena Junularo» ankaŭ kun sukceso disvolviĝas. La 15an de sept. okazis la ekzameno por la knaboj, kiuj sekvis la kurson, kiu okazis de okt. 1920 ĝis aŭg. 1921, dank'al la zorgoj de la postlerneja societo de la 5a kaj 10a sekcioj. Partoprenis en tiu ekzameno 20 lernantoj. Jen la rezultato : 1 lernanto obtenis 0.90 de la poentoj, 8 la 0.80, 8 la 0.70, 2 la 0.60 kaj 1 la 0.50. Se ni konsideras, ke tiu kurso konsistis el 50 duhoraj lecionoj, nedevigaj, ekster la ordinara lernotempo de la knaboj, ni povas gratuli la profesoron, nian energian propogandiston Frans Schoofs, pro la atingita sukceso, kiu kuraĝigis ankaŭ la iniciatintan societon. Ĉi tiu ja denove prenis sur sin la organizon de novaj kursoj. Post bona parolado de S-ro Schoofs al la knaboj, la 16an de sept., 80 el ili enskribis sin por lerni Esperanton, kaj nuntempe okazas 3 kursoj, gvidataj de niaj junaj amikoj R. Broeckhove, R. Clemeur kaj Ch. Beaujean (ĉiujaŭde de 18-20 h. kaj ĉiudimanĉe de 9-11 h.)

La «Antverpena Grupo Esperantista» ree kunvenis la 18an de okt. en Café Suisse. Kelkaj malnovaj fideluloj ĉeestis kaj decidis rekomencigi la agadon de la grupo. Nova kunveno okazos en la mezo de novembro.

BRUSELO: Novaj kursoj sukcesplene rekomenciĝis en la «Fed. Postscolaire» de St. Gilles.

Antaŭ multnombra ĉeestantaro, inter kiu oni rimarkis Sinjoron Meĉir, Ministro de Ĉeĥoslovakujo en Belgujo, nia sindona propagandistino, F-ino Jennen faris, la 13an de Oktobro, ĉe la Postlerneja Federacio en Saint-Gilles, sukcesplenan paroladon pri Ĉeĥoslovakujo.

Kun rimarkinda pedagogia talento, la paroladintino konigis sub ĉiuj vidpunktoj la nove restarigitan landon.

Ŝi ne preterlasis ofte rimarkigi, ke estis dank'al ŝiaj esperantistaj rilatoj kaj al la lasta Universala Kongreso en Praha, ke ŝi estis tiel bone dokumentita.

Kiam ŝi estis fininta, Sro Skabeno Bernier, Prezidanto de la Federacio, gratulis F-inon Jennen, ne nur pro ŝia parolado sed ankaŭ pro ŝia nelacigebla penado por nia afero. Varmaj aplaŭdoj konkludis.

GENTO. — «Esperantista Grupo». S-ro Van de Velde, Ĉefinĝeniero ée la Ŝtataj fervojoj, faris en la Universitato du paroladojn pri Esp. Rezultato: ĉirkaŭ 30 gelernantoj enskribiĝis por la novaj kursoj.

«La Progreso». Dum la vintra sezono, la kunvenoj ree okazos sabate je la 7 1/2a. Estas aranĝataj ludvesperoj, konversacio, kantversperoj, paroladoj. La 25an de Septembro okazis la ĝenerala kunveno de la grupo. En ĝi oni decidis i. a. aldoni al la grupa kotizaĵo 0.10 fr. por subteno de «Esperanta Ligilo» blindula gazeto. Post la kunveno okazis festo. Ĝia ĉefa numero estis parolado de S-ro L. Cogen, prezidanto, pri «Nova Muziknotado» Esperantistoj kiuj aŭdis la paroladinton dum liaj kongresoj paroladoj povas imagi al si la sukceson kiun li ree rikoltis.

Dimanĉon 9an de Oktobro la komitato faris por S-ro Verlent, protektanta ano kaj kunfondinto de la grupo, manifestacion de dankemo.

Lundon 23an de Oktobro komenciĝis en urba lernejo Onderstraat flandra kaj franca kursoj gvidataj de F-ino E. Colyn kaj S-ro M. Somerling.

Ni povas jam anonci baldaŭ komenciĝontajn perfektigan kaj stenografian kurson.

LEDEBERG. — S-ino Rustin, fratino de nia karmemora Prezidinto de la Ligo S-ro Amatus van der Biest, faris antaŭ kelka tempo tre interesan paroladon pri «La Geedziĝo». La temo estis tre klere debatata kaj taŭgaj argumentoj prezentataj en Esperanto tre pura elparolita en perfekta maniero. Gratulojn al la nelacigebla propagandistino.

Du novaj kursoj, multnombre ĉeestataj, kaj oficiale subvenciataj de la komunumo rekomenciĝis en komunuma lernejo, gvidataj de S-ro Varendonck.

LIEĜO. Oni tie bone propagandas por la novaj kursoj. S-ro Derigat aperigis en grava ĉiutaga ĵurnalo tre taŭgan artikolon pri nia lingvo kaj nia movado.

MEĤLENO. La tiea grupo vigle restariĝis kaj novaj kursoj okazas de la 11a oktobro en urba lernejo.

OUGREE. SCLESSIN. La «Esp. Grupo de Sclessin» organizas 2 kursojn de E. la unua okazas ĉiuĵaŭde vespere en Sclessin mem, kondukata de S-ro Camille Sibille, kaj la alia ĉiudimanĉe matene en najbara komunumo Ougrée, gvidata de S-ro René Dechesne.

VERVIERS. — Niaj Verviersaj geamikoj ageme laboradas. Tri novaj kursoj okazas ĉiusemajne: la lundon gvidita de S-ro Dohogne; la merkredon de Sro Hérion kaj la vendredon de Sro Delhez, instruisto kaj nova propagandisto.

## BELGA FEDERACIO DE JUNAJ ESPERANTISTOJ.

La 15an de julio 1921, nia juna samideano Broeckhove, prezidanto de la Esperantista Junularo de Antverpeno, sendis cirkuleron al ĉiuj belgaj

grupoj kun alvoko pri organizo de kursoj por junuloj dum la vintro 1921—22 laŭ deziresprimo de nia kongreso en Lieĝo.

Li ankau celas starigi iom post iom junularojn en la diversaj belgaj urboj, laŭ la ekzemplo de la antverpena, kaj fine restarigi la Belgan Federacion de Junaj Esperantistoj, kiel fakon de nia Belga Ligo esperantista.

Nia samideano jam ricevis la moralan apogon de la Liga Estraro kaj nun li esperas, kaj ankaŭ ni, ke ĉiuj niaj sindonaj grupestroj kaj pioniroj zorge pripensos tiun aferon kaj helpos, laŭ sia povo, S-ron Broeckhove atingi la celon de lia agado.

F. S.

# Belga Gazetaro

Preskaŭ ĉiuj gazetoj en la lando notis la komunikojn de nia «Gazetara Servo» pri la deziresprimoj de la franca kaj itala asocioj por la progreso de la Sciencoj, kaj pri la decido de la Ligo de Nacioj.

«La Flandre Libérale» (Gento, 6—9—21) publikigis tre detalan raporton pri la Kongreso de Praha. — «Le Mosan» daŭrigas sian kurson pri Esperanto kaj samtempe eldonadas francan tradukon de la originale en Esperanto verkita dummilita rakonto «La Sekreto de la Militkaptito» de nia malnova kaj sindona samideano kaj kunlaboranto D-ro A. Melin.

«La Victoire», komerca kaj financa gazeto (28—9——21) enhavas ĉefartikolon titolitan «La Langue Commerciale». La aŭtoro estas favora al Esperanto.

«De Gazet van Mechelen» (29—9—21) raportis favore pri la parolado farita de nia samideano Schoofs, en Mechelen.

«Bulletin Mensuel de la Fédération Postscolaire». (St. Gilles, Okt.) enhavas propagandan artikolon de F-ino Jennen. Sama bulteno anoncas paroladon de tiu energia klopodantino pri «Ĉehoslovakujo», kaj ankaŭ la kurson de Esperanto, kiun F-ino Jennen gvidas ĉe la «liberaj kursoj» oficialaj de la komunumo St. Gilles.

«Le Soir» (2—10—21) publikigas grandan ĉefartikolon: «Le Progrès, réalisation des Utopies». Ĝi estas altsenta, bone pripensita pledo por nia lingvo kaj por la potenca kaj edukada movado Esperantista. La aŭtorino esploras kaj klarigas la demandon laŭ ĉiuj eblaj vidpunktoj, kaj sendube konvinkis multajn legantojn de tiu unu el la plej gravaj ĵurnaloj el nia lando. Ni tutkore gratulas la verkintinon, F-ino Jennen, pro ŝia bonega kaj efika laboro.

«Ons Woord» (Aŭg.-sept.) enhavas sian kutiman Esperanton-angulon kaj konigas la organizon de nova kurso de Esperanto por la oficialaj instruistoj de Antverpeno.

« La Walonnie» (Liége, 29. okt. 1921). Granda kaj bonega artikolo de nia fervora amiko Derigat. La argumentado en tiu artikolo, titolita «Por la alproksimiĝo de la Popoloj», staras sur faktoj, kaj sendube kondukos al la kursoj, baldaŭ malfermotaj en la Universitato de Lieĝo, multajn lernantojn.

DELGARBO.

# Progresoj de Esperanto

LA BRITA ASOCIO POR AKCELADO DE SCIENCOJ akceptis raporton favoran al lingvo internacia kaj decidis sendi ĝin al Ligo de Nacioj.

LA ITALA SOCIETO POR PROGRESO DE LA SCIENCOJ akceptis rezolucion favoran je Esperanto.

LA MINISTRO DE INTERNAJ AFEROJ EN SAKSUJO permesas, ke ŝtataj policistoj, kiuj sukcesplene lernis Esperanton, portu la Esperantistan insignon sur la maldekstra maniko de la uniformo.

239 BRAZILAJ EMINENTULOJ sendis al la Ligo de Nacioj petskribon, kiu konstatas la necesecon de lingvo internacia, la neeblecon solvi la demandon alimaniere ol per neŭtrala helplingvo, la jam sufiĉan disvastiĝon de Esperanto por ke ĉi tiu lingvo ludu la gravan rolon de ĝenerala interkomunikilo, kaj petas ke la L. de N. apogu la movadon Esperantistan.

20 DELEGITOJ ĈE LA LIGO DE NACIOJ, favoraj al Esperanto, havis la 22an de septembro specialan kunvenon en Genève. Inter la ĉeestantaj estis S-roj Wellington Koo, prezidanto de la Konsilantaro de la Ligo, Lordo Robert Cecil, Senatano Lafontaine, princo Arfu-ed-Dowleh, Restrepo kaj la unua Vic-sekretario Nitobé.

FRANCA AKADEMIO DE SCIENCOJ. — Kvar pluaj Akademianoj aliĝis la deziresprimon de la 21 membroj de tiu institucio (1).

LA ĈEĤOSLOVAKA MINISTRO FERVOJA konstatis la utilecon de l'kono de Esperanto por la fervojistoj kaj rekomendis do la lernadon de la lingvo al la tuta fervojistaro.

LA URBESTRARO DE BOLOGNA (Italujo) decidis la enkondukon de Esperanto kiel laŭvola fako en ĉiuj popolaj komunumaj lernejoj. S-ro Umberto Toschi gvidas oficialan kurson inter la komunumaj instruistoj.

LA KOMERCA FOIRO EN PRAHA komunikas, ke sur bazo de interrilato ekkomencita okaze de la 13a Universala kongreso de Esperanto, celanta kunlaboron inter Eŭropaj foiroj, la foiro de Padova, per sia letero de la 28a de Aŭgusto proponis kunlaboron, kaj la administra konsilantaro de la Praha'a foiro, per sia decido de la 16-a de Septembro, akceptis la proponon.

La kontrakto enhavas kvin punktojn, laŭ kiuj esperanto estas difinita kiel lingvo por la korespondado inter la Foiroj. Plue estas faritaj interkonsentoj koncerne la reciprokan propagandon dum la Foiroj, la komerca informa servo, la reciproka subteno de la Foiroj ĉe iliaj registaroj kaj la reciproka gazetara propagando.

(1) Vidu B. E. N° 75-76: paĝo 99.

# IVa Universala Kongreso de Esperanto

### HELSINKI (FINNLANDO) — AŬGUSTO 1922.

---

Dudek konataj eminentuloj de Finnlando, inter kiuj la prezidanto, kaj du vicprezidantoj de la parlamento, du ministroj,antaŭa ĉefministro, tri antaŭaj ministroj, tri specialaj senditoj rajtigitaj de Finnlando en Parizo, Tokio kaj Dresdeno, kvar universitataj profesoroj, k. c., subskribis specialan alvokon komunikitan en septembro al ĉiuj gazetoj en Finnlando por insisti pri la graveco de la fakto, ke la proksima universala kongreso Esperantista okazos en Finnlando. La subskribintoj, kiuj konfesas la ĝeneralan gravecon de internacia lingvo kiel kulturfaktoro al la nuntempa homaro kaj al la malgrandaj nacioj precipe, akcentas ĉi tiun fojon la specialan signifon, kiun la aranĝo de internacia Esperanta kongreso en la finna ĉefurbo havas al la nacia vivo de Finnlando, kaj admonas ĉiujn, al kiuj la Esperanto-Asocio de Finnlando kaj la kongresa komitato eble sin turnos, subteni laŭ fortoj kaj eblecoj la esperantistojn en ilia respondeca laboro.

* * *

La Loka Kongresa Komitato publikigis jenan interesplenan leteron, kiun ni plezure plentekste represas por la belgaj Esperantistoj:

---

La Finnlanda Esperantistaro estas konscia pri la granda honoro kaj konfido montritaj al ĝi per la decido okazigi la 14an kongreson en nia ĉefurbo. La neatendita sukceso de la Praha kongreso devigas nun prepari ion laŭ niaj cirkonstancoj grandiozan. En la venonta somero la Esperanta mondo festos ne nur sian ĉiujaran kunestadon: estos pasintaj 35 jaroj de la publika apero de nia lingvo. Ankaŭ la movado esperantista ŝajnas esti en komenco de nova epoko. Nia lingvo trovas intereson kaj subtenon ĉe gravaj organizaĵoj, antaŭ ĉio ĉe la Ligo de Nacioj. La lasta nomita eble definitive decidos pri akcelado de instruado de Esperanto en ĉiuj lernejoj de la civilizita mondo kelkajn semajnojn post nia 14a. Nia propra organizo estas en punkto de turniĝo: ni atendas, ke la venonta kongreso starigos la universalan ligon de ĉiuj esperantistoj.

En tiuj cirkonstancoj la Loka Kongresa Komitato kaj la Finnlanda esperantistaro streĉos siajn fortojn por laŭ sia kapablo antaŭzorgi pri la sukceso de la estonta kongreso.Ni scias,ke ni ne povos prezenti tiajn monumentojn de miljara civilizo, kiel la landoj mez-Eŭropaj, sed ni esperas, ke vi vidos signojn pri juna, vivipova kulturo. Se ni ne povos montri famajn kastelojn, ni havas almenaŭ la unikan naturon de la insulara lagaro. Kaj jam la alveturo per komforta ŝipo trans la ondojn de Baltika maro prezentas eksterordinaran plezuron.

La vojo al Finnlando ne estas tiel longa, kiel prezentas al si la ĝenerala opinio. Ni volas ĝin tamen mallongigi laŭ niaj fortoj. Ni havas bonajn esperojn ricevi rezervitajn ŝipojn por la kongresanoj, kiuj povos

veturi el la havenoj Hull, Antwerpen, Stettin. La delegitoj de U.E.A. promesas per aranĝo de karavanoj deŝarĝi la alvenontojn je ĉiuj zorgoj. Verŝajne ni povos sendi akceptantojn ĝis la nomitaj havenoj. Kompreneble nur sub la kondiĉo, ke la samideanoj sufiĉe frue decidiĝos pri partopreno en la karavanoj.

La precizan daton de la kongreso ni ne volis ankoraŭ fiksi definitive, ĉar ĝi eble dependos de la interkonsento farota kun la ŝipkompanio. Ni tamen esperas, ke la dua semajno de aŭgusto (6—13) konvenos.

La sukceso de la estonta kongreso ne dependos sole de ni. Ni bezonas la internacian publikon esperantistan. Certe, el kelkaj landoj la alveturo estas facila, kaj por ĉiuj ĝin faciligas multe la malalta kurzo de finna mono. Sed ni ankaŭ bezonas vin ĉiujn. Por ke la kongreso povu forte efiki ankaŭ sur la eksteran publikon, estas necesa ne nur multnombra partopreno, sed ankaŭ reprezento de plej multaj landoj. Tial ni turnas nin aparte al la societoj esperantistaj en tiuj landoj, el kiuj oni ne povas atendi multajn alveturontojn, kun la insista peto, ke ili jam nun pensu pri kolekto de mono en la celo esti inde reprezentataj en la kongreso. Se la esperantistoj en tiuj landoj, el kiuj estas malfacile alveturi al la kongreso, zorgos pri tio, ke ili povu pagi la vojaĝkostojn por almenaŭ unu reprezentanto ili faros servon ne nur al sialanda sed al la tutmonda movado esperantista. La ĉeesto de tiaj reprezentantoj, elektotaj kompreneble el la plej konfidataj samideanoj, pligravigos ankaŭ la decidojn farotajn en la plej signifoplenaj demandoj de esperantismo.

Kompreneble ni ne atendas nur plimalpli oficialajn delegitojn. Ni esperas ke la norda naturo allogos multajn turistemajn esperantistojn, kaj ni penos agrabligi la restadon por ili, zorgante pri interesaj ekskursoj post la kongreso.

En la espero, ke la tutmonda samideanaro per sia fervoro certigos la plenan sukceson de la dekkvara mondfesto de Esperanto, ni sendas nian unuan komunikon.

* * *

El la unua oficiala komuniko de la L. K. K. ni ĉerpas jenajn detalojn:

KUNMETO DE L. K. K. — Prez. Albin Sandström; vic-prez. Lektoro K. S. Alhonius; ĝen. Sekretario: Vilho Setälä; Sekr.: G. Ĉernohvostov; Kasisto: Leo Jalava.

ADRESOJ — Poŝta: 14a Kongreso de Esperanto, Helsinki (aŭ Helsingfors), Finnlando; telegrama: «Esperanto» - Helsingfors.

ALIĜOJ. — Uzu nur la aliĝilojn eldonotajn de la L. K. K. kaj dissendotajn en Novembro - Decembro pere de la Esperantistaj gazetoj. Ĉar por la bona prosperado de la porkongresaj laboroj, estas tre necese, ke la L. K. K. jam tuj en la komenco havu je sia dispono sufiĉe da mono, la samideanoj - aliĝontoj estas insiste petataj kiom eble plej baldaŭ aliĝi kaj pagi la kotizon.

KOTIZO. — La belgaj partoprenontoj pagos fr. 25.—, pagebla per belgaj bankbiletoj. Pluaj samfamilianoj pagas nur 60 o/o. Post la 1-a de junio 1922 la kotizo altiĝos je 50 o/o.

HELPKONGRESANOJ. Samideanoj,kiuj ne havos okazon ĉeesti la kongreson, povas tamen helpi al ĝia bona sukceso, aliĝante kiel helpkon-

gresanoj. Ili pagos la kotizon kaj ricevos la kongresan insignon kaj ĉiujn dokumentojn.

GARANTIA KAPITALO. — Por certigi la ekonomian rezultaton de la 14-a estas fondata garantia kapitalo al kiu la samideanoj estas petataj noti garantiojn de almenaŭ Fmk. 300.—. La garantiitaj sumoj estos enkasigitaj nur en okazo de ebla malprofito.

DONACOJ. — Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj, kaj nur parte povos esti repagataj per la kongresa kotizo, la L. K. K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon sub ĉi-tiu rubriko.

DEPONO DE MONO. — Kiu deziras uzi la nunan tre favoran kurzon por rezervi al si finnajn markojn, povas tuj sendi monon al la kongresa kasisto (sub la oficiala adreso de L. K. K.), kiu ŝanĝos ĝin en finnajn markojn kaj malfermos konton por la aliĝinta ĉe la Kongresa Banko, kies nomo estos sciigata en la venonta komuniko. La banko pagas 7 o/o renton por la deponita mono.

Estas ankaŭ rekomendite ĝenerale eviti sendon aŭ alporton de papermono, ĉar ŝanĝante papermonon oni ĉiam perdas en la kurzo. Precipe en Finnlando eksterlanda papermono ne estas volonte akceptata de la bankoj. Oni laŭeble uzu bankĉekojn aŭ kreditleterojn. La L. K. K. insiste malkonsilas sendon de mono per poŝtmandato kaj respondkuponoj.

FAKAJ KUNSIDOJ. — Kiu deziras kunvoki specialan fakan kunsidon dum la kongreso, sciigu tion kiom eble plej frue al la L. K. K. samtempe montrante por kiom da personoj proksimume li bezonas ĉambron, kaj dum kiom da horoj.

EKSPOZICIO. — Kun la celo organizi dum la kongresa semajno grandan publikan propagandan ekspozicion pri Esperanto, la L. K. K. petas urĝe la Esperantistojn el ĉiuj landoj sendi materialon (presaĵojn, prospektojn, katalogojn, gvidlibroj, gazetojn, librojn, sigelmarkojn, poŝtkartojn, k. c.). Ili sciigu ĉu ili deziras rericevi post la kongreso la senditajn dokumentojn.

PROPAGANDO. — Baldaŭ la komitato eldonos poŝtkartojn kaj sigelmarkojn pri la kongreso, kiujn ĉiuj aĉetu kaj uzu.

KOMUNIKOJ. — Ĉiu aliĝinto ricevos la kongresajn komunikojn, kaj povos aboni la gazeton «Esperanto Finnlanda» je specialaj favorprezoj se li abonas samtempe kiam li aliĝas al la kongreso.

ALIĜOJ. — La L. K. K. jam ricevis 21 aliĝojn el 8 diversaj landoj.

* * *

## ANTAŬKONGRESO EN ANTVERPENO.

La kongresontoj, kiuj dezirus partopreni en antaŭkongreso en Antverpeno kaj enŝipiĝi en tiu urbo por la vojaĝo al Helsinki, estas petataj sin konigi al la Direktoro de B. E.: Frans Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse, 45), ANTVERPENO.

Por ŝparigi tempon kaj monon al ambaŭ, kongres komitato kaj belga Esperantistaro, tiu samideano sin metas ankaŭ je la dispono de la belgaj geamikoj por akcepti ĉiujn komunikaĵojn, aliĝojn, monsendojn, informpetojn, k. t. p. al la Kongresa Komitato. Li ĉion kolektos kaj periode kune sendos al Helsinki.

# Lingva Komitato

## RAPORTO DE LA DIREKTORO DE LA SEKCIO POR KOMUNA VORTARO.

Altestimata S-ro Prezidanto,

Nur tiun ĉi jaron povis la L. K. rekomenci sian laboradon interrompitan de la dummilitaj kaj postmilitaj malhelpaĵoj. Certe kun granda plezuro la Esperantistaro konstatos la viglecon kaj fervoron de la tiuĉijara agado de siaj Lingvaj Institucioj kaj la ŝatindajn jam ricevitajn rezultatojn.

Estas tre ĝojiga fakto, ke multaj L. K.anoj partoprenis en la efektiva laboro, sed tio estas ankoraŭ pligrava kaj pli esperiga, ke,respondante al la demandoj kaj proponoj de la Sekcio por la Komuna Vortaro, ili klare pruvis per siaj respondoj kaj rimarkoj ,ke, plene konsentante kun la ĵusa Akademia Deklaracio kaj prave atentante la danĝeron de malunueco kaj anarkio, montritan de la Akademio, ili ĝuste komprenas la nunajn bezonojn de nia afero kaj klare konscias la devojn, kiujn la kreskado de nia lingvo trudas al la Lingvaj Institucioj.

Jen estas la ideoj plej ofte esprimitaj aŭ aluditaj de la respondintoj:

Nepre bezone estas «kompletigo» de nia vortaro; sed tiu ĉi kompletigo devas fariĝi «metode», unuece kaj interkonsente anstataŭ esti forlasata al la blinda hazardo de la cirkonstancoj kaj al la nesingardaj kapricoj de la sensciuloj kaj nekompetentuloj.

« La tempo alvenos, eble jam alvenis, skribas Usona Komitatano. kiam la Esperantistoj ne plu konsentos permesi al ĉiuj verkistoj,kleraj kaj nekleraj, bone instruitaj kaj neinstruitaj, senzorge proponi kaj uzi novajn vortojn, eĉ el radikoj intereŭropane konataj. Ĉiu devus memori, ke la internacia lingvo estas por la homoj de la tuta mondo, kaj se unu kaj alia homo povas gaje fari ĉiujn ajn aldonojn kaj ŝanĝojn sen antaŭa konsultado kun la L. K. aŭ Akademio, Esperanto baldaŭ disfalos same, kiel disfalus la angla aŭ franca aŭ iu ajn alia nacia lingvo sub tia traktado. »

Efektive, samaj kaŭzoj ĉiam estigas samajn efikojn : La libera natura senkonscia kaj senscia evoluado de la naciaj lingvoj, kiu igis ilin ĉiujn malsimplaj, mallogikaj, malregulaj, kapricaj kaj esceptoplenaj, baldaŭ kondukus ilin al pereiga disfalo en diversajn lokajn dialektojn kaj apartajn korporaciajn ĵargonojn, se la unuecon kaj komunan kompreneblecon de la lingvo ne defendus kaj konservus potencaj konsciaj konservaj fortoj, tio estas la libraj verkantoj, la instruistoj, la lingvaj, literaturaj kaj sciencaj institucioj kaj la ŝtataj administracioj.

Ĉar la unueco de Esperanto ankoraŭ ne povas esti subtenata de la instruistoj nek protektata de la Ŝtato; ĉar, aliflanke, pro la diversnacieco kaj diverslingvaneco de la Esperantistaj aŭtoroj kaj vortaristoj, niaj libroj kaj vortaroj, respegulante la diferencajn lingvajn, pensajn kaj sentajn kutimojn de la verkantoj, anstataŭ esti, kiel en la naciaj

lingvoj, unuigilo kaj konservilo, plej ofte estigas kontraŭe diversecon kaj malunuecon, pro tio la Esperantistaj Lingvaj Institucioj, almenaŭ ĝis la tempo, kiam ĉiu aŭtoro konsentos trudi al si mem volan konscian severan disciplinon, estas kaj estos la sola konserva kaj unuiga forto, kiu povas kontraŭbatali la dividajn pereigajn fortojn. — «Oni povas troigi la respekton al la libera natura vivado», asertas Sveda Akademiano.

Kaj ĉiuj same konkludas: Ni nepre bezonas regulojn kaj gvidilojn; la propra kaj deva rolo de la Lingvaj Institucioj estas faciligi, reguligi kaj internaciigi,tio estas unuformigi la evoluadon de la lingvo.Vera libereco ne estas senbrida, senpripensa kaj senkontrola kaprico, sed estas konscia, prudenta, laŭregula, metoda elekto. La Esperantistaro bezonas konstantan kaj efikan helpon por la laŭnorma pliriĉigo de la lingvo kaj precizajn konsilojn por la malfacila elekto de la novaj radikoj kaj formoj. Nur la Lingvaj Institucioj, en la nuna stato de nia afero, povas plenumi tiun taskon, nur ili povas sciigi la Esperantistojn kaj precipe la verkantojn pri la internacieco aŭ neinternacieco de la radikoj,nur ili povas admoni kaj konsili pri la taŭgeco aŭ netaŭgeco,utileco aŭ neutileco de la proponeblaĵoj. Estas pli saĝe antaŭforigi la malsanon ol nesingarde atendi ĝin kaj nur klopodi por kuraci ĝin,kiam ĝi ekzistas, enradikiĝis kaj graviĝis. Estas pli facile kaj pli certe detrui en la nesto la ovojn de malutila birdo ol tro malfrue vane persekuti la fortiĝintajn forflugantajn birdidojn, t. e. la jam presitajn malbonaĵojn.

« Mi tre bedaŭras, diras sprite iu Komitatano, ke la L.K. kaj Akademio fermas la pordon nur post kiam la ŝtelisto jam ŝtelis la ĉevalon el la ĉevalejo». «Oni troigas skribas Germana Respondanto, la regulon ke la Akademio kaj la L. K. ne rajtas fari proprajn proponojn. Kial do ne admoni la Esperantistaron kontraŭ la malbonaj formoj?» «Ni mankas je direktantaj principoj kaj reguloj en la elektado de novaj radikoj», diras Franca Komitatano, kaj alia samnaciulo aldonas: «La Direktanta Organo de la Lingvo Internacia devus proponi al la L. K.-anoj kaj al la aŭtoroj la radikojn, kiujn ĝi opinias la plej konsilindaj por plenigi la mankojn de nia vortaro».

Mi petas la permeson rememorigi, ke la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro ,antaŭe konsentante kun tiuj ĉi admonoj kaj postuloj, jam oficiale konsilis kelkajn principojn por unuformigo de la metodo sekvota en la elekto de novaj vortoj (Vidu Ofic. Gaz., 25 Majo 1921: Oficialaj Komunikoj.), kaj ĝi intencas proponi al la Akademio publikigi, laŭ la deziro de la L. K., liston de preferindaj aŭ rekomendindaj radikoj. Oni povas esperi, ke tiuj ĉi rekomenditaj formoj kaj radikoj, eĉ se ili ne estas ĝis nun uzitaj, baldaŭ eniĝos en la uzadon tiamaniere, ke la L. K. rajtos pli poste oficialigi ilin kaj enmeti en la propran esperantlingvan vortaron.

Fine la Komunvortara Sekcio intencas peti de la Akademio, ke ĝi denove proponu al pli detala ekzameno kaj pli funda esploro de la L.K. kelkajn radikojn, kies signifo ne estas sufiĉe precize kaj plenakorde fiksita, kvankam ili estas oficiale aceptitaj. Mi citas ekzemple la radikojn «Administraci', Akcesor', Binokl', Blok', Emfaz', Flagr', Konfekci', Ŝose', Verv' k. t. p.

Certe multa laboro restas farota kaj la tasko de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro estas malfacila kaj multpena sed tiu ĉi tasko estos multe faciligata kaj helpata per la evidenta bonvolo, per la kuraĝiga aprobo kaj per la ĉiukonsenta apogo de la L. K. Tia konsento kaj aprobo estigos sen ia dubo tre favorajn rezultatojn por la sukceso kaj prospereco de nia afero.

Ni nun parolu pri la jam farita, kaj pri la jam komencita laboro:

1° Per sia unua cirkulero la Akademio demandis al la L. K. ĝian opinion pri la litero Ĥ kaj pri la duontehnika sufisko «Oid» aŭ «Ojd». Pri ambaŭ demandoj,precipe pri la unua,mi recevis tre interesajn rimarkojn, kiujn mi bedaŭras, ke mi ne povas citi tie ĉi. La plimulto de la respondintoj preferas la formon «Oid» kaj aprobas la laŭvolan anstataŭigon de la litero Ĥ per la litero K en la okazoj, kiam ĝi senpere sekvas post la litero R.

2° Al la alvoko de la Komunvortara Direktoro proponanta internacian esploradon pri Proverboj, Komparoj k. t. p. sufiĉe multaj kompetentaj kaj penemaj Esperantistoj jam favore respondis. Kelkaj fruktodonaj ideoj estas prezentitaj, la plano de la laboro kaj la metodo por la esploro preciziĝis, kaj oni povas esperi, ke diversaj naciaj subkomisionoj, direktataj de kompetentuloj, eĉ de eminentuloj, estas baldaŭ definitive organizataj kaj komencos la proponitan esploron. Nederlanda Komitatano jam sendis tre gravan kaj admirindan preparan laboron pri la Holandaj proverboj. Al ĉiuj miaj sindonaj kunlaborantoj mi sendas mian koran dankon.

3° Fine mi povas sciigi, ke la tuta proponita prepara listo por la 3a Aldono estas akceptita de granda plimulto de la L. K-anoj.

Tamen multaj el niaj kolegoj, eĉ akceptante la tutan liston, aldonas tre atentindajn rimarkojn kaj ĝustajn kritikojn koncerne la vortojn kun la pseŭdosufiksoj «Acio», «Icio», «Ucio», kaj la verban finiĝon ii. Pro klare montritaj motivoj ili principe firme malaprobas la radikojn «Apelaci'», «Arbitraci'», «Civilizaci'», «Deklaraci'», «Erudici'», «Evoluci'», «Kontribuci'», «Konversaci'», «Navigaci'», «Revelaci'», «Revizi'», «Resignaci'», «Spekulaci'», «Sugesti'», k. t. p., preferante la pli simplajn formojn «Apel'» aŭ «Apelac'», Arbitrac'», «Civiliz'», «Deklar'», «Erudit'», «Evolu'», «Kontribu'», «Konvers'», «Navig'», «Revel'», «Reviz'», «Rezignac'», «Spekul'», «Suĝest'», k. t. p.

Esceptante nur kelkajn apartajn radikojn aŭ formojn, kiuj eble estas konservindaj pro diversaj motivoj montritaj en la noto de la 30a de Junio ,komunikita de la Prezidanto al ĉiuj L. K.anoj, la Direktanto de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro plene samopinias, kiel la supredıritaj L. K.anoj kaj li esperas, ke liaj altestimataj Kolegoj aprobos la jenajn konsiderojn kaj la rimedon, kiun li proponas por kontentigi kaj konsentigi ĉiujn.

Ni ne lasu nin trompi per la vorto «oficiala». Ĝi ne signifas, ke ĉiu oficiala vorto estas propre esperantlingva kaj povas estı ĉiaokaze uzata. Oni ne devas forgesi, ke nia «Oficiala» vortaro efektive konsistas el du malsamaj partoj:

1° La «propraj» Esperantlingvaj radikoj:

2° Multaj ĝenerale (aŭ, pli ĝuste, eŭropane) internaciaj radikoj, kiuj, ne apartenante propre al nia lingvo, restas «fremdaj» vortoj kaj, laŭ la 15a Fundamenta regulo, nur «povas esti uzataj» de la Esperantistoj. Preskaŭ ĉiuj radikoj kun pseŭdosufiskoj estas «fremdaj» internaciaj vortoj, kiuj, eĉ oficialigitaj, tamen ne estas asimilitaj kaj alpropigitaj al la Esperantlingva vorttrezoro. «Oni devas diferencigi, skribas tre prave iu Germana Komitatano, inter vortoj plenrajte «enkondukindaj» kaj vortoj «tolerindaj».»

Angla Akademiano rimarkigas, ke ĝenerale la «Internaciaj» vortoj estas internaciaj pli «laŭ formo ol laŭ signifo». Tiu ĉi tre simpla sed tre grava rimarko pravigas la oficialigon de la internaciaj vortoj, kiun kelkaj rigardas kiel danĝeran aŭ almenaŭ senutilan: la oficialigo de tiaj vortoj servas por fiksi kaj internaciigi ilian «signifon».

Jam en la 2a Oficiala Aldono Prof. Cart kaj liaj tiamaj kunlaborantoj tre prave dividis la oficiale aprobitajn radikojn en du listojn proksimume korespondantajn al la supremontritaj. La radikoj de la 1a Oficiala Aldono estos sammaniere dupartigataj en la baldaŭ publikigota Akademia Plena Radikaro anoncita en mia 1a cirkulero, kaj estas tre dezirinde, ke tia dupartigo estu poste klare montrata en ĉiuj estontaj vortaroj.

Multaj L. Kanoj postulas ke oni senbalastigu kaj kribru nian vortaron. Ni ĝuste povos profiti la okazon por kontentigi tiun tute pravan peton, ĉar la suprealudita dupartigo estas la plej bona kaj taŭga rimedo por efektivigi la deziratan kaj dezirindan senbalastigon.

Prof. E. GROSJEAN MAUPIN,
Direktoro de la Akademia Sekcio por Komuna Vortaro.

# Pri Propagandiloj

De la milithalto la Esperantista movado reaperis en ĉiuj landoj de Eŭropo, kaj eĉ nia lingvo, de unu jaro, atingis kelkajn rezultatojn vere admirindajn: la eniĝon en la Internacia Universitato, la decidon de la Pariza Komerca Ĉambro, la enkondukon en diverslandajn lernejojn, oficialajn ŝtatajn subvenciojn k. c. Ĉio tio devas instigi niajn propagandistojn dekobligi sian agadon. Sed estas necese ke, krom sia parola agado, ili povu ankaŭ montri per seriozaj dokumentoj la taŭgecon de la Ideo kaj de Esperanto, kaj la progresojn praktikajn faritajn de nia lingvo,ĉar estas ĉiam nekredemuloj,kiuj cedos aŭ kies nekredemo almenaŭ ekŝanceiĝos, nur kiam ili vidos ian seriozaspektan presaĵon.Estinte ekzistis en diversaj lingvoj, broŝuretoj, konigantaj ĉefe teorie la motivojn pledantajn por la alpreno de L. I., ekzemple, en franca lingvo, la broŝuro No 86, aŭ la broŝuro de l'estinta «Belga Sonorilo». Ili estis propagandiloj iom simplaspektaj kaj pro tio ne tre allogaj nek konvinkigaj, jam antaŭ la lego!

Nuntempe ni bezonas dokumentojn pli gravajn laŭ la aspekto kaj laŭ la enhavo. Nu, ni havas ilin kaj ĉiu propagandisto, tio estas ĉiu Esperantisto, devus posedi unu aŭ diversajn propagandajn «ilarojn» aŭ kolektojn, kiujn li povus pruntedoni, ne al kiu ajn persono, sed al tiuj, kiuj sin montrus vere emaj por kompreni nian aferon, kaj do «Esperantistiĝi» post unua konversacio aŭ interskribado, k. t. p.

Laŭ mia opinio, ĉiu el tiuj propagandiloj devus almenaŭ enhavi la jenajn verkojn:

1e UNE LANGUE INTERNATIONALE AUXILIAIRE, de Ch. Richet kaj generalo Sebert, ambaŭ membroj de l'Instituto. Tiu bonega broŝuro montras la praktikajn motivojn por kiuj L. I. estas utila kaj eĉ necesa en la mondo. Ĝi havas bonegan aspekton kaj la nomo de la aŭtoroj estas grava.

2e RAPPORT SUR LA LANGUE INTERNATIONALE ESPERANTO, eldonita de la Centra Oficejo en Paris. Ĝi montras la praktikajn rezultatojn akiritajn de Esperanto, en ĉiuj homaj fakoj de ĝia komenco ĝis 1918 (en la lasta eldono). Tre konvinkiga ĝi estas.

Se mi povus iom levi la vualon misteran, kiu kaŝas la preparan agadon, kiu antaŭiris la akcepton de la Honora Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, de L. M. Princo Leopoldo, mi dirus, ke tiuj du broŝuroj eble ne estis seninfluaj je tiu akcepto.

3e UNE IMPASSE. LA MULTICIPLITE DES LANGUES, de S-ro Rollet de l'Isle. Ĝi klarigas la ĉblecon kaj la manieron por simpligi la lingvajn gramatikaĵojn, kaj montras, en subpaĝaj notetoj, la manieron laŭ kiu Esperanto solvis la gramatikan demandon. Leginte la notetojn la leganto konas la duonon de la Esperanta gramatiko!

4e LA VALEUR PEDAGOGIQUE DE L'ESPERANTO POUR L'ENSEIGNEMENT DU FRANÇAIS, de Rollet de l'Isle. Tre interesa kaj alloga broŝuro por geinstruistoj, aŭ eĉ gravaj profesoroj kaj lernejaj inspektoroj;

5e UNE LANGUE COMMERCIALE COMMUNE, tradukita laŭ la angla broŝuro «A common commercial language» de S-ro A. Barton Kent; bonega broŝuro por montri la utilecon de nia lingvo laŭ komerca vidpunkto.

6e Por propagandi ĉe personoj konantaj la flandran lingvon: BROKKEN UIT DE GESCHIEDENIS DER WERELDTAAL, de nia bonega belga samideano Oscar Van Schoor. Tiu libreto, ĉefe lingvoscienca, anstataŭas tre inde la elĉerpitan franclingvan broŝuron de Ch. Lemaire: L'ESPERANTO, SOLUTION TRIOMPHANTE DU PROBLEME DE LA LANGUE INTERNATIONALE.

Por personoj, kiuj ne timas elspezi iom gravan sumon da mono, estus ankaŭ konsilindaj la libroj de E. Archdeacon POURQUOI JE SUIS DEVENU ESPERANTISTE kaj de Gautherot LA QUESTION DE LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE. Tiu lasta, eldonita ĉe Hachette kaj nun en represado, havis la formaton kaj la amplekson de la romanoj je F. 3.50 laŭ antaŭmilita valoro.

Kaj tiuj, kiuj volus konvinki la nekredemulojn, montrante al ili la intereson de la scienculoj-lingvistoj por nia lingvo, povus uzi la du jen-

ajn verkojn: LES LANGUES DE L'EUROPE MODERNE de Meillet; kaj PETIT TRAITE DE LINGUISTIQUE, de Grégoire. En ambaŭ verkoj tuta ĉapitro estas dediĉita al la demando de L. I.

Jen serioza dokumentaro uzota, kiel mi diris komence, de ĉiuj Esperantistoj, kaj kiujn kompetentaj fremdlingvaj amikoj devus traduki en siajn naciajn lingvojn kun, eventuale, necesa alfaro; ĉar tiel bonaj propagandiloj devus esti uzeblaj en la tuta mondo.

L. COGEN.

# Anekdoto

Instruisto klarigas al siaj lernantoj, kio estas la difenco inter la rozo kaj la violo. Imagu grandan kaj belan sinjorinon, kiu promenas kun kapo levita, fiere laŭ la vojo kaj portas robon belegan; ŝi ne bonvolas rigardi dekstren, nek maldekstren. Malantaŭ ŝi rampas malgranda estaĵo humila; neniu atentas pri ĝi, ĝi marŝas kun klinita kapo. Kiu estas do?» Leoĉjo respondas senhezite: «Estas ŝia edzo, Sinjoro instruisto!»

A. V. G.

# Konsilo kiu valoris oron

Je la starigo de la granda obelisko el Heliopolis, sur la Sankta Petroplaco en Romo, tiu grandvalora monumento estis savita de detruo dank'al la natura saĝo de viro el la popolo. La arĥitekturisto Fontana, kiu estis komisiita starigi tiun kolosaĵon, ne atentis dum siaj kalkuloj pri la elstreĉo de la forte streĉitaj ŝnuroj kaj je iu momento la konstruaĵo ne estis plu altigebla nek malaltigebla kaj se la ŝnuroj rompiĝus ĝi estus frakasita. Por ne malatentigi la laboristojn estis malpermesate je puno de morto elparoli unu vorton. La arĥitekturisto estis senkonsila, la laboristoj restis senhelpaj kaj la popolamaso havis la antaŭsenton ke io terura okazos.

Subite simpla maristo malobeis la gravan malpermeson kaj super la malkvieta silento resonis la vortoj: — «Malsekigu la ŝnurojn!»

La arĥitekturisto komprenis tuj ke en tio troviĝis la savo. Rapide oni malsekigis la ŝnurojn per la fajrestingiloj. La fibroj ŝveliĝis kaj tiu ŝveliĝo mallongigis la ŝnurojn.

Kvazaŭ movita per sekreta movo realtiĝis la ŝtonamaso kaj stariĝis kun skuo.

Bela monumento estis konservata por la mondo, kaj la arĥitekturisto eble savita de la freneziĝo dank'al la praktika konsilo de simpla maristo.

Ĉu tiu-ĉi lasta ricevis la oron kiun lia konsilo valoris, mi ne scias, sed certe oni ne mortpunis lin pro la malobeo al la ordono de la estraro.

Tradukis el la Flandra lingvo
MALVINA SOETE.

# Pri Elparolo en Esperanto

Mi estis kontenta vidante kiel en la Kongresa kunveno en Liége la ĉeestantoj unuanime voĉdonis por la sufikso UJO en la landnomoj. Mi ŝatas necesajn plibonigojn. Mi estas malamiko de anstataŭaj fantaziajoj kaj kontraŭfundamentaj. Sed, parolante pri fundamenteco, mi deziras fari la jenan rimarketon. Mi ĝin faras nun ĉar temas pri eraro kontraŭfundamenta, kiun faras senkonscie multaj Esperantistoj ne nur belgaj.

La Fundamento diras, 1e: ĉiuj literoj aparte elparolataj ĉiam kun la sama sono; 2e akcento sur antaŭlasta silabo. Laŭ tio ni konsideru ekzemple la vorton «neniam». Ĝi enhavas, laŭ la reguloj de la elparolado ĉi supraj 3 silabojn, kies vokaloj estas E. I. A. I, la antaŭlasta, portas la akcenton. Same okazas por ĉiuj el la 45 malgrandaj vortoj, kiuj havas la akcenton sur I, ĉar I en ĉiuj estas la antaŭlasta silabo.

Oni atingas bonajn rezultatojn ĉe lernantoj, ilin atentigante pri la malsama elparolo de la vortoj filinjo, opinio, paĉjo, nacio, panjo, epifanio; kaj pri la samsoneco de nia, ia, nenia, neniam; de opinio kaj stenografio. Vortoj kiel tiu lasta estas bone elparolataj pro ilia nacilingva sono.

Eraro kontraŭ la akcenta regulo multe malbeligas nian lingvon, kies bonaj ecoj devas esti al ni ĉiuj plej karaj.

Progresano.

Ni aldonas al tiuj rimarketoj de Progresano, ke la «o» ne devas esti elparolata tiel fermite, kiel faras ofte la valonoj, io kio tre pezigas la lingvon, sed iom pli fermite ol en la franca vorto BROSSE kaj ne tiel fermite kiel en HAUSSE ekzemple. Precipe la akuzativo estas peza, kiam oni ĝin elparolas kiel la grekan sonon «on»!

# La gajnanto

Du knaboj trovis moneron, sed la monero valoris nur 25 centimojn. La knaboj pripensis, kiamaniere ili dividos ĝin inter si.

— Nu, diris la pli aĝa, tiu, kiu diros la plej grandan mensogon, gajnos la moneron.

Instruisto, kiu ĵus alproksimiĝis, aŭdis la tutan interparoladeton kaj intervenis:

— Nu, knaboj, tio ne estas tre bela. Vi ambaŭ trovis moneron, kaj nun vi volas mensogi por gajni ĝin. Ĉu vi ne scias, ke estas malpermesite mensogi? Neniam vi povas mensogi!

— Ĉu vi, Sinjoro, neniam mensogis? demandis la sama knabo. Tute ne, mi neniam diris aŭ diros mensogon, respondis la instruisto.

— Jen, diris la knabo donante al li la moneron, vi gajnis ĝin!

ŜERCEMULO.

# La reĝina donaco

Iam la reĝino de Italujo promenis en antaŭurbo de Romo, kiam ŝi rimarkis gracian knabineton sincermienan kaj gajan. Ŝi alparolis ŝin. Post kelkaj minutoj da interparolado la reĝino demandis al la infano, kian piklaboron si kapablas fari.

— Mi trikas ŝtrumpojn, Sinjorino, respondis la infano.

— Ĉu vi scias, kiu mi estas, demandis la reĝino.

— Jes, Sinjorino, vi estas la reĝino.

— Nu, faru por mi paron da ŝtrumpoj. Vi sendos ilin al mi en la palacon.

Kelke da tempo poste la ŝtrumpoj alvenis. La reĝino Margareto reciproke sendis al la infano paron da luksaj ŝtrumpoj rozaj, el kiuj la unua estis plena je sukeraĵoj kaj la dua plena je moneroj. La sekvontan tagon, la reĝino ricevis leteron de sia amikineto: «Sinjorino kara, ŝi skribis, via donaco min kaŭzas multe da larmoj. Mia patro prenis la monon, mia frato manĝis la bonbonojn kaj la ŝtrumpojn patrino mia portas».

A. V. G.

# Diversaj informoj

INTERNACIA SCIENCA ASOCIO restariĝis dum la Kongreso en Praha, kaj projektas reeldonon de la iama «Scienca Revuo». La komitato, kiu prenis sur sin tiun gravan laboron, konsistas el: S-roj Prof. Alessio, Torino; Prof. Cart, Paris; D-ro Döhler, Riesa; Prof. Kamaryt, Bratislava; Prof. Kohout, Praha; Inĝ. Pratley, Montreal; Inĝ. Setälä, Helsinki; D-ro Steche, Leipzig; Stettler, Bern.

La Esperantistoj, kiujn la afero interesas, skribu al S-ro Kamaryt, Telovičena 3, Bratislava (Ĉehoslovakujo).

LA SKOTA ESP. KONGRESO, okazis la 24-25 an de sept. en Dunfermline. Ĉeestis 150 gesamideanoj. Unu el la speciale pritraktitaj temoj estis la enkondukado de Esperanto en la taglernejojn.

LA «TEKA» (TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO) estas refondita kaj eldonado de faka oficiala gazeto decidita. Petas la aliĝemajn kolegojn en ĉiuj landoj lin tiurilate informi, la Sekretario de «Teka», D-ro Austerliz, Bardiov (Slovakujo) .

STUDENTA LIGO ESPERANTISTA. — Povas aliĝi ĉiu studento almenaŭ 14jara kaj ĉiu studenta asocio en la mondo. Petu informojn al la delegito en Belgujo: S-ro Vict. Hendricx, Zalmstraat, 43, Gent.

INTERNACIA ASOCIO DE ESPERANTISTOJ - FERVOJISTOJ intencas eldoni fakan vortaron kaj specialan gazeton. Krom tio ĝi faciligas al la asocianoj la vojaĝadon en fremdlando kaj ebligas ilian restadon ĉe eksterlandaj kamaradoj. La kotizaĵo estas Kr. ĉsl. 5.—

kaj Kr. 2.— por la aliĝilo kaj enskribo. Adreso: S-ro Adolf Kaŝparek, strato Sadova, Praha.

KATOLIKA MONDO estas la nomo de la nova «Universala organo por tutmondaj interesoj katolikaj», oficiala gazeto de «Internacio Katolika», de «Int. Kat. Unuiĝo Esperantista», de Mondjunularo Katolika» kaj de «Blanka Kruco». 10 numeroj de la gazeto kostas Fr. b. 5.—. Oni abonas ĉe «Paŭlus-Eldonejo», Karmelitenplatz 5, Graz Aŭstrujo). jo).

ALVOKO, Franca grupiĝo de junuloj «L'Effort» (La peno) celanta la studadon de sociaj problemoj en diversaj landoj en la demokrata senco, deziras havi eksterlandajn korespondantojn per Esperanto, pri sociaj demandoj.

La Komitato de ĉi tiu asocio estas favora al la internacia lingvo, kaj la devo de la Esperantistoj estas pruvi al ĝi, ke Esperanto utilas. — Skribu al S-ro P. Petit, 59, rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois (Seine), Franclando.

LA ĈIUJARA KONGRESO DE BRITAJ ESPERANTISTOJ okazos en Londono (por la unua fojo) je Pentekosto 1922. La Organiza Komitato atendas grandan sukceson, kaj pretiĝas por la gastigo de almenaŭ mil kongresanoj. Oni ankaŭ esperas ke multaj samideanoj venos el aliaj landoj por partopreni la feston, kiu okupos kvar tagojn (de la 2a ĝis la 6a de Junio) kaj estos la plej granda kaj grava nacia kongreso de Esperantistoj ĝis nun okazinta en Britujo.

BRITA LITERATURA KAJ DEBATA SOCIETO. — Literaturaj Konkursoj — 1922.

Premioj; por ĉiu konkurso: la premio 30 ŝilingojn, 2a premio 20 ŝilingojn. 1. Traduko de Angla Literaturaĵo. De 2000 ĝis 3000 vortoj. 2. Originala Novelo. De 1000 ĝis 2000 vortoj. 3. Originala Poemo. Ne pli ol cent linioj.

Kondiĉoj. — 1. Konkursantoj ,se membroj de la Societo, devas pagi 1 ŝ. por ĉiu manuskripto: se ne-membroj, 2 ŝ. por ĉiu manuskripto.

2. konkursantoj devas alpreni pseŭdonimon, kiu aperos sur la manuskripto. Ili devas skribi la nomon kaj adreson — kune kun la pseudonimo — sur aparta folio, kaj enmeti ĝin en koverton, sigelante ĝin kaj skribante la pseŭdonimon ekstere. Tiun koverton ili devas sendi kun la manuskripto.

3. Ĉiuj manuskriptoj fariĝos la propraĵo de la B. L. kaj D. S. La Komitato de B. L. kaj D. S. rezervas al si ĉiujn rajtojn pri publikigo de manuskriptoj.

4. La Komitato de B. L. kaj D. S. rezervas al si la rajton, aŭ ne doni, aŭ dividi, iun ajn premion. Se manuskriptoj de sufiĉa merito estos ricevitaj, medalo aŭ medaloj estos ankaŭ aljuĝitaj.

5. Manuskriptoj devas atingi la sekretarion antaŭ Februaro 28a. 1922.

Hon. Sek.: Charles H. Edmonds,
«Rockwood», High Road, Wembley, Anglujo.

# Nekrologio

L. F. SCHUMACHER. — La korpo de nia bona amiko Leon Fr. Schumacher, kiu mortis dum militkaptiteco en Niederzwehren-Cassel (Germanujo) la 4an de majo 1915,alvenis en Antverpeno la 9an de oktobro 1921. L. Schumacher estis membro de la Antverpena Grupo Esperantista. Li estis unu el niaj plej fervoraj propagandistoj. Li posedis la diplomon pri profesora kapableco.

Ni prezentas nian kondolencesprimon al lia frato kaj bonfratino, niaj gesamideanoj, kaj al la tuta familio de nia bedaŭrata kamarado.

# Bibliografio

«Belga Esperantisto» nur recenzas la verkojn de kiuj oni sendis du ekzemplerojn. Adreso: Kleine Beerstraat, 45, Antverpeno.

La legantoj povas ankaŭ mendi la recenzitajn librojn ĉe tiu sama adreso, kunsendante la monon per poŝtmarkoj aŭ prefere por poŝtĉeko (konto Frans Schoofs: No 284.20).

Oni aldonu 10 % por sendelspezoj.

RELAZIONE SUL V° CONGRESO NAZIONALE DI ESPERANTO DI BOLOGNA (3-5 Oktobro 1920a). — Itala raporto de komandanto profesoro Alberto Alessio, prezentita al la ministro de maraferoj en Italujo. Eldonis: Revista Marittima, Roma. 24 paĝoj. 24 × 16 1/2 cm. Prezo nemontrita.

WELTSPRACHLICHE FLUGSCHRIFTEN eldonitaj de Germana Esperanto-Servo, Berlin S. 59, Wissmannstr., 46:

N° 1. — **Die Welthilfsprache Esperanto** de Dr. A. Möbusz, 16 paĝa broŝureto 15 × 11 cm. — Prezo M. 0.15 + 100 %.

N° 2. — **Der Ballast der Sprachen und das Esperanto** de Georg. Ruseler, 16 paĝa broŝureto 15 × 11 cm. — Prezo M. 0.25 + 100 %.

**Die Erste Esperantostunde,** de Karl J. Loy, 4 paĝa cirkulero 24 × 15 1/2 cm. — Prezo: M. 0.10 + 100 %.

KLEINE BEITRAGE ZU SPRACHENFRAGEN eldonita de «Nova Tempo». Verlag Paul Knepler, Wien I, 1920. 32 paĝoj. 20 1/2 × 14 cm. Prezo: Svis. Fr. 0.50.

9 propagandaj artikoloj en germana lingvo, ĉerpitaj el la gazeto «Nova Tempo».

GVIDLIBRO TRA GRAZ. — Eldonita en 1913 de la Stiria Esperantista Societo, Graz, (Aŭstrujo). Tie havebla. 80 paĝoj 16 × 11 1/2 cm. — Bela kaj lukse eldonita libreto.

ANNUAIRE GENERAL DE LA BELGIQUE. — (Ĝenerala Belga Adresaro Industria, Komerca, Marafera kaj Kolonia). Eldonis: Belga Kompanio por Internacia propagando, 40 Avenue Fonsny, Bruxelles. 760 paĝoj 30 × 23 cm. Prezo: senpage sendata al komercistoj kaj industri-

istoj en la lando kaj kontraŭ Fr. belgaj 6.— por la sendkostoj al la eksterlandaj (la libro pezas ĉ. 3 Kilogr.)




Tiu libro enhavas francajn propagandajn artikolojn pri la belgaj komerco, industrio, havenoj, k. t. p., laŭfake ordigitajn nomarojn de la belgaj firmoj, kaj belegan kolekton de anoncoj, kiuj konigas la specialaĵojn de ĉiu firmo. Por la titoloj la jarlibro uzas 6 naciajn lingvojn.

Ĝi estas deponata en Belgujo ĉe la fremdaj konsuloj, sindikataj ĉambroj, komercaj ĉambroj, informejoj, grandaj hoteloj, kafejoj, k. t. p., en la aliaj landoj: ĉe la belgaj konsuloj, komercaj ĉambroj, informejoj, k. c.

La eldono por 1922 estas nun preparata. S-ro Albert Moreau, malnova amiko de Esperanto, estas la Antverpena direktoro de tiu grava entrepreno. Dank'al lia helpo la direktoro de nia Revuo sukcesis konvinki la eldonanton, S-ro Van der Elst, pri la utilo, kiun Esperanto prezentas por lia entrepreno. Estas de nun decidite, ke la eldono de 1922 ankaŭ enhavos Esperanton.

Ni nun esperu, ke la fremdaj esperantistoj-komercistoj petos la libron, skribante en Esperanto, kaj ke ankaŭ la belgaj anoncantoj komprenu la utilecon de nia lingvo, kaj ĝin uzos por la redakto de siaj anoncoj.

LA VENDREDA KLUBO. — 11 diversaj originalaj artikoloj verkitaj de la «Vendredoklubanoj» en Leipzig, kolektitaj de Prof. D-ro Dietterle. Eldonis 1921: Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig. 116 paĝoj 23 × 15 cm. — Prezo: Mk. 15.— + 50 o/o.

Jen la titoloj de la 11 artikoloj : La romantika verkisto Hoffmann kiel muzikisto; Instruo per laboro; Leibnitz kiel «antaŭbatalinto por nia ideo» de mondhelplingvo — eraro!; Esperanto en la Frey-ligo; Pri la Lingvaj Respondoj de D-ro Zamenhof; La unuaj jaroj de Esperanto en Leipzig; Serioza Laboro; Scienca teorio de Ostwald pri koloroj; Pri la insulo Korfu kaj la imperiestra kastelo Achilleion; la Ŝtata Saksa Esperanto-Biblioteko; Pri la Esperanto-movado en Britujo depost la fino de la mondmilito.

La riĉeco de tiu diverstema enhavo montras la interesegan materialon, rezultaton de bone komprenita kunlaboro. Laŭ ĉiuj vidpunktoj ni ege rekomendas tiun belan libron.

FOR LA BATALILOJN! de Bertha von Suttner. El germana lingvo esperantigita de Armand Caumont. Eldonis Ader & Borel, Dresden. — Prezo Mk. 25.— + 50 o/o kaj sendkostoj.

Mi ne opinias necese konigi al niaj legantoj la en la tuta mondo famekonatan verkon de Bertha von Suttner. Ni nur insistu pri la bonega traduko de nia svisa samideano Caumont. Ĉiu Esperantisto kun ĝuo

legos tiun libron plej zorge eldonitan, kiu meritas lokon en la plej malgranda biblioteko Esperantista. Ni notu el la antaŭparolado de D-ro Heinrich Arnhold, ke la aŭtorino, tiu eminenta pacemulino, estis entuziasma propagandistino por nia lingvo kaj alte ŝatis nian movadon.

RAPORTA STENOGRAFIO — Alfaro de la angla Pitmana sistemo al Esperanto; de M. C. Butler kaj amikoj; (kvina eldono). Eldonis speciala komitato, kies sekretario estas P. I. Cameron, 69 Schubert Road, London S. W. 15. 48 paĝoj 21 1/2 × 14 cm. Prezo: 2 ŝ. 6 p. — Per ĉi tiu bele eldonita verketo la adeptoj de la Pitmana sistemo trovos facile la okazon por studi sen profesoro la stenografadon en Esperanto. Ni gratulas la verkistojn.

ENGLISH - ESPERANTO DICTIONARY de Fleming Fulcher kaj Bernard Long; eldonis 1921: E. Malborough & Co, 51 Old Bailey, London E. C. 4. — 346 paĝoj 191/2 × 13 1/2 cm. Prezo. 8 ŝ.

Ni ĝoje salutas tiun ĉi ampleksan vortaron plej zorge kunmetitan. Unu el la plej bonaj kvalitoj de tiu nova vortaro estas, ke la aŭtoroj donas klare la tradukon de plursencaj vortoj. Bona ideo estis ankaŭ la aldono de klariga listo de neologismoj. Malgranda rimarko estas tamen, laŭ ni, farota pri la uzo de la landnoma finaĵo — io, malgraŭ la konsilo de la Akademio pri tiu detalo. La vortaristoj precipe devas montri al la novaj Esperantistoj nur la bonan vojon, akceptitan kiel tian de niaj oficialaj organizaĵoj.

JOLANTO, La Filino de l'Reĝo René. Lirika dramo unuakta de Henriko Hertz; laŭ dana originalo esperantigita de Hj. J. Runeberg. Eldonis 1908: Ilarejo Esperantista, Helsingfors. 104 paĝoj 19 × 13 cm. Prezo: Fr. 1.25. Vendata por la profito de la propagando inter Finnlandaj blinduloj.

Plej ĉarma teatraĵeto, kies merito certe nenion perdis per la tre flua, simpla, facile komprenebla traduko ritma en Esperanto. Ni plej kore gratulas la tradukinton pro la liverita laboro, kiu aldonas veran perlon al la unuaranga verkaro Esperanta.

..**DOKUMENTOJ DE ESPERANTO.** Informilo pri la historio kaj organizo de la Esperanta movado; kunmetita de D-ro A. Möbusz. Eldonis Fr Ellersiek, Berlin. 200 paĝoj 18 1/2 × 12 1/2 cm. Prezo: Mk. 24.— + 80 o/o.

Tre interesa libro, kiun certe devas posedi ĉiu grupo kaj propagandisto. Ĝi enhavas, krom diversajn artikolojn pri la historio de la internacia lingvo, ĉiujn paroladojn de D-ro L. L. Zamenhof ĉe la kongresoj kaj ĉiujn dokumentojn pri la oficialaj organizaĵoj de nia movado.

KANTARETO. — Kunmetita de Valc. Eldonis 1921: Fr. Ellersiek, Berlin, 16 paĝoj 11 1/2 × 7 1/2 cm. Prezo: Mk. 0.85 + 50 o/o. Kolekto de 15 kantoj tradukitaj el germana lingvo. Enhavas ankaŭ «La Espero» kaj «Tagiĝo».

PARVA GRAMMATICA INTERNATIONALIS IDIOMATIS «ESPERANTO» CUM GLOSSARIO ESPERANTO - LATINO de Sac. J. Bianchini. Eldonis: A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. 40 paĝoj 16 × 11 1/2 cm. Prezo: Fr. 1.——

ILUSTRITA GVIDLIBRO DE LA BANURBO RIMINI, kun plano, de Prof M. Carolfi, Eldonis 1915: «La Tipografica», S. Vito al Tagliamento, Italujo. 40 paĝoj, 16 × 11 1/2 cm. Prezo: Fr. 1.50.

GVIDLIBRO TRA BOLOGNA de Humberto Toschi, por la kongresanoj de la 5a Esperantista Kongreso Itala. Eldonis 1920: A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. 16 paĝoj 16 × 12 cm. Ilustrita. Prezo: 0.50 fr.

GVIDLIBRO TRA RAVENNA de la sama aŭtoro, eldonita je l'okazo de la pilgrimo de la 5a kongreso de italaj Esp-istoj al la tombo de Dante. Eldonis 1920: A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). 16 paĝoj 16 × 12 cm. Ilustrita. Prezo: Fr. 0.50.

LA PREĜARETO por la XVIa jarcento de la Konstantina Paco, de Prof. Carolfi. Eldonita de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). 32 paĝoj 14 × 10 cm. Prezo: Fr. 0.50.

LA STRUVELPETRO, beletaj rakontoj kaj komikaj bildoj de Dr. Heinrich Hoffmann. Esperanta traduko de J. D. Applebaum. Eldonita 1921 de Literatura Instituto Rütten & Loening, Frankfurt a. M. — 24 paĝoj 26 1/2 × 21 cm. Prezo: Mk. 18.— + 50 o/o.

Infana legolibro, ilustrita per multkoloraj bildoj.

MIMI, Rakonto pri la Latina kvartalo dum la milito. Angle verkis J. U. Giesy; esperantigis Edward S. Payson. Eldonis 1920: Brita Esperantista Asocio, London W. C. — 54 paĝoj 18 1/2 × 12 1/2 cm. — Prezo nemontrita.

DAS DEUTSCHE LIED IN ESPERANTO (Germanaj Kantoj Esperantigitaj). Kompilis Friedrich Pillath Eldonis 1921: Fr. Ellersiek, Berlin. 82 paĝoj 15 × 11 cm. Prezo Mk. 6.— + 80 o/o.

Tiu libreto, rekomendita de la Esperantista Literatura Asocio, enhavas tradukojn de 72 kantojn, klasitaj en 3 partoj: germanoj popolkantoj, kantoj por unuopa voĉo, internaciaj kaj diversaj kantoj.

KIAL ILI ESTAS FAMAJ ? ? ? —— Monologo de Georges Feydeau. El franca lingvo tradukita kaj plilongigita de Fernand Doré. Eldonis: Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris. 12 paĝoj 18 × 11 cm. — Prezo: Fr. 0.50.

SOLO DE FLUTO, monologo de Paul Bilhaud, tradukita el franca lingvo de Fernand Doré. Eldonis: Librairie de l'Esperanto, Paris. 12 paĝoj 18 × 11 1/2 cm. Prezo: Fr. 0.60.

LA VANGFRAPO, unuakta komedio de Abraham Dreyfus, el franca lingvo de S. Sar. Eldonis: Librairie de l'Esperanto, Paris. 52 paĝoj 18 × 11 1/2. Prezo: Fr. 0.75.

KIA STRANGA, FORTA VOKO. — Kanto por miksita ĥoro de Heikki Klemetti, laŭ la vortoj de poeto D-ro Stan. Schulhof. N° 1 de Muzika Biblioteko Esperanta. Eldonis O. Y. Movado A. B., Esperanto - Oficiejo Finnlanda, Kasarminkatu 20, Helsinki. Prezo: Fmk. 1.50 (3 respondkuponoj); 10 ekz.: Fmk. 10.—.

DEKDUA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO (Hago, 8-15 aŭg. 1920). — Kajero 31-a de Esperantista dokumentaro, Oficiala parto. Sekcio: Kongresoj. Eldonis 1921: Esp. Centra Oficejo, 51 rue de Clichy, Paris. —Prezo: Fr. 3.—.

KIEL ONI FONDAS KAJ ORGANIZAS ESPERANTAN GRUPON? kun aldono de statutoj por grupoj, de Hans Sappl. Eldonis: Paulus-Eldonejo, Karmelitenplatz 5, Graz (Aŭstrujo). 28 paĝoj 16 × 12 cm. — Prezo: Fr. 2.—.

HOMARO. — Sendependa broŝuraro, Marto 1921. Enhavas la Deklaracion pri Homaranismo de D-ro L. L. Zamenhof, kaj la Tregedion de Francisko Josefo. 16 paĝoj 15 × 10 1/2 cm. Prezo: 2 ekz. po 1 respondkupono; 100 ekz.: Fr. 25.—. Eldonis: J. Magada Rosenörn, Jaca (Huesca), Hispanujo.

ORELL FUESSLI'S BILDERSAAL (Kolekto de figuraĵoj por la instruado de lingvoj) **Esperanto eldono**, de G. Egli, tradukita de Henriko Fidori. Eldonis: Art. Institut Orell Füssli, Zürich. 3 kajeroj 42 paĝaj 18 1/2 × 12 cm. Prezo: Fr. sv. 2.40

Esperanta traduko de la ĉie-konata kolekto O. F. Estus interese provuzi tiun metodon por la lernado de Esperanto al infanoj.

LA PROBLEMO DE IRLANDO. — Okopaĝa broŝuro 23 × 15 cm. kun historia skizo kaj programo de la Irlanda movado. Verkisto, eldonejo kaj prezo nemontritaj.

OK NOVELOJ de Arnold Bennet. El angla lingvo tradukis Alfred Wackrill. Eldonis 1919: Brita Esperantista Asocio, London. 124 paĝoj 18 1/2 × 12 cm. Prezo: 2 ŝ.

La libro enhavas: «La Matadoro de la Kvin Urboj», «Mimi», «La reganta iluzio», «La Letero kaj la Mensogo», «Jok - Aventuro», «La Heroeco de Tomaso Chadwick», «Sub la Horloĝo», «Tri epizodoj en la Vivo de S-ro Cowlishaw, Dentisto».

Bona elektita specimenaro de la angla literaturo. Pri la traduko garantias la nomo de la tradukinto mem,unu el la plej kompetentaj Esperantistoj en Granda Britujo.

PRO KIO? Internacia kriminal-romano, originale verkita de Argus. N° 5 de Nova Esperanto - Bibiloteko. — Eldonis Fr. Ellersiek, Berlin, 160 paĝoj 15 × 11 cm. Prezo: Mk. 6.— + 80 o/o.

Unua libro de sia speco. La policaj aventuroj estas ege lerte kunmetitaj kaj ĉarme interplektiĝas kun ama idilio. La stilo estas bonega kaj la eldonado plej zorgita.

FRAULINO JULIE. — Naturalista tragedio de August Strindberg, tradukis Paul Nylen kaj S. E. Krikortz. Eldonis 1908: K. W. Appelbergs Bogtryckeri, Uppsala, 64 paĝoj 19 1/2 × 13 cm. Prezo: 75 öre.

Bele prizorgita eldono tiom laŭrilate tradukon kiom aspekton. Kun bela portreto de la aŭtoro.

FR. DELGARBO.

# Naskiĝo

S-ro kaj S-ino Frans Schoofs - Van den Putte plezure sciigas al la gesamideanoj la feliĉan naskiĝon de fileto «Leono», je la 29a de oktobro 1921a.